# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. Hodler. †
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando

ENHAVO :

Esperantismo :



Diversaĵoj :



La nuna numero ampleksas 20 paĝojn. Aldono : Prospekto pri nova eldono de « Plena Vortaro ».

XXX-a Jaro N° 406

JUNIO 1934

## La Viena Konferenco

Niaj legantoj ekscios per la pentremaj leteroj de s-ro Agricola tion, kio okazis en Vieno ĉe la Internacia Konferenco pri Esperanto en lernejo kaj praktiko. Ĝi havis econ tre similan al la kunveno de esperantistaj lingvistoj kunvokita en Arnhem en 1932 ĉe la Esperanto-Domo de la Cseh-Instituto.

Ekzistas pri nia lingvo kaj ĝia instruado, ankaŭ pri ĝia uzado praktika, tre valoraj kaj interesaj spertoj, kiuj meritus esti vaste diskonigataj, ĉar ili formas la plej taŭgan materialon por efika informado de la publiko en ĉiuj landoj. Ankaŭ ili havigas ĝuste tiujn faktojn kaj observaĵojn, kiuj taŭgas por ilustri petskribojn al aŭtoritatoj aŭ paroladojn de niaj defendantoj en lernejestraroj.

Ĉar Vieno jam posedas la dokumentan specialigon per la Muzeo de Esperanto, starigita ĉe la Nacia Biblioteko en la Hofburg, ni kore esperas, ke la organizantoj sukcesos (kun ĉies helpo) presigi resumon de la plej valoraj raportoj same kiel estis farita siatempe post la *Ĝeneva konferenco pri Esperanto en lernejoj* kaj la *Venezia* kaj *Pariza konferencoj pri Esperanto en komerco kaj turismo*. Novaj faktoj estu metode kaj klare citataj en utila broŝuro facile dissendebla.

Grava fakto ĉe la konferenco estis sendube la oficiala reprezento de pluraj registaroj, kies edukministroj do ricevos raportojn. Tio montras, ke, eĉ en plej malfacilaj tempoj, nia movado estas atentinda kaj povas (eĉ) devigi atenton pro sia riĉa sperto, kiu kapablas promesi grandiozajn rezultatojn, se la provita instruado kaj uzado ĝeneraliĝus.

Ombro ĉe la konferenco estis la neevitebla foresto de anoj el diversaj nacioj aŭ mondperceptoj pro la politikaj cirkonstancoj, kiujn la organizintoj kompreneble ne povis antaŭvidi.

Al tiaj eksteraj batoj de la sorto la esperantistaro devas bedaŭrinde kutimiĝi, ĉar la stato de la mondo daŭre similos al mara ventego dum tuta nia generacio. Estas tempo de granda ŝanĝiĝo kun fluoj kaj refluoj de klasaj kaj naciaj interbataloj. El tiu doloriga nasksufero elkreiĝos poste nova mondo, kie nia lingvo ludos sian decidan rolon.

Pro siaj indignoj aŭ entuziasmoj sociaj, rasaj, naciaj, partiaj aŭ religiaj, la esperantistoj ne povas ĉiuj laŭplaĉe kunveni ĉe la samaj lokoj aŭ agi ĉe la samaj registaroj. Partoprenoj, intervenoj, iniciatoj devige dividiĝas laŭ opinioj, eblecoj, geografio, takto kaj digneco.

Sed du aferoj unuigas ĉiujn, tio estas unue la volo havigi al nia lingvo la meritatan lokon, kiel urĝa ilo de interkompreno, kaj due la Zamenhofa kredo, ke super ĉiuj diferencoj la homaro tamen estas granda familio al kiu apartenas kaj devas aparteni ĉiuj civilizoj kaj nacioj de la mondo.

Pro tio ni devas danki al la kuraĝaj organizintoj kaj speciale al Sinjoro Steiner, kies fidelan voĉon aŭdas regule per radio miloj da samideanoj en multaj landoj. Certan tagon, kiam oni pafis en la stratoj de lia urbo, li tamen brave plenumis sian esperanto-devon kaj pli ol unu malproksima aŭskultanto sendis al li silentan ondon de senvorta simpatio.

Edmond PRIVAT.

**Grava : La nuna numero estas sendata al ĉiuj ĝisnunaj Membro-Abonantoj. En landoj kie poŝta enkasigo ekzistas, tiu ĉi numero estas sendata kun pagoŝarĝo, pri kio la koncernaj personoj jam estis informitaj.**

# Internacia Konferenco, Vieno 20-24 Majo 1934

## Esperanto en la lernejon kaj la praktikon.

*Redakcio de ESPERANTO,*
*Genève.* *17an de Majo 1934.*

*Kara D-ro Privat,*

*Rapide mi informas vin, ke ĉio estas en ordo. S-ro Agricola konsentas verki raporton pri la konferenco en libera formo. Li rekte sendos ĝin al vi. Por gajni tempon, ni interkonsentis, ke vi ricevu de unu tago al alia priskribon de la okazintaĵoj en Vieno. Pri ĉio alia mi informas vin post mia reveno al Ĝenevo.*

*Kore vin salutas,*
Hans Jakob.

∴

Vieno, 19an de Majo 1934.

Al S-ro Edmond Privat, Locarno.
Kara Doktoro,

Kaj denove en Vieno ! Preskaŭ pasis dek jarojn, ke ni kunvenis en tiu ĉi urbo por la 16a universala kongreso. Malproksimega ŝajnas al ni tio kaj forgesitaj estas niaj tiutempaj zorgoj kaj ĉagrenoj. Aliaj zorgoj venis, multe pli danĝeraj. Sed vivas nia afero, malgraŭ ĉiuj eksteraj komplikaĵoj. Pri tio mi unu fojon plian havis okazon fari konstaton tie ĉi, en Vieno, la urbo de valsoj kaj de la gaja arto. Sinjoro Jakob min atentigis pri la maniero laŭ kiu vi deziras ke mi raportu. Mi do detenas min de ĉia prijuĝo pri aferoj eksteraj, ne apartenantaj al ni, sed tamen nin okupintaj antaŭ monatoj. Mi esperas, ke la legantoj de ESPERANTO komprenos tiun neceson kaj indulgos min, se mi preterlasas ĉion, kio ne rekte interesas nian aferon.

Vieno, urbo de muziko kaj de l'arto, gaja ridetanta Vieno ! Ĉiam mi revenas al vi kun granda plezuro kaj forlasas vin kun bedaŭro pro rapida forpaso de bele pasigitaj tagoj.

Ordinara vizitanto de Vieno, post prizorgo de siaj personaj aferoj kutime vizitas kafejon. Estas la kafejo la centra punkto de la viena vivo. Eĉ negocojn oni pritraktas tie kaj povas esti, ke la influo de l'kafotrinko faciligas la traktadon kaj la interkonsenton. Esperantisto kiu venas Vienon vizitas unue alian ejon, konatan al vi. Mi opinias la Esperanto-Muzeon, kreitan de persista samideano, Hugo Steiner. La Muzeo, troviĝanta en la iama imperia kastelo kaj sub la zorgo de la Nacia Biblioteko estas hodiaŭ jam riĉa fonto de interesaj dokumentoj el nia movado. Ĝi estas ankaŭ centro de agado, kiu kristaliĝis ĉirkaŭ la persono de S-ro Steiner. Veninte tien, mi renkontis lin, meze de paperoj, dokumentoj, ĉirkaŭita de aro da helpantoj kaj da konferencanoj. Decida kaj energia kiel ĉiam li donas informojn, diktas, telefonas jen al ministro, jen al lokaj aŭtoritatoj. Jam alvenis multaj konataj personoj kaj regas en la muzeo sentebla kongresa atmosfero.

El la programo mi vidas, ke sabaton vespere okazas tio, kion en kongresa lingvo oni nomas « interkonatiĝa vespero » en granda restoracio apud la urbodomo. Nu, la aspekton de tia vespero oni ja sufiĉe konas : sufiĉas ke skeptikulo venu al tia, por sperti kiom facile interparolas ĉiuj, kiom senĝene fluas la paroloj kaj vidiĝas la sento de ne nur lingva kompreno sed ankaŭ de spirita. Relative frue finis tiu ĉi vespero, almenaŭ oficiale kaj nur gravmienaj eminentuloj ŝajne ne povis disiĝi. Kaptante iom de la konversacio, mi tuj forkuris aŭdinte vortojn « neologismoj, bojkoto de nekonformaj verkoj, toleremo, respekto al tradicio » k.t.p. Ŝajne la esperantista energio direktiĝas de la organiza pasio al la lingva, kion tre certe multaj aprobos.

Konstatinde estas la neĉeesto de aro da aktivaj samideanoj kaj de invititoj, esprimintaj intereson al la afero. Inter la multaj kaŭzoj kiujn mi aŭdis, manko de rimedoj, de tempo, de taŭga persono por reprezenti organizajon, mi sciiĝis ankaŭ pri alia pli grava kialo : inerteco kaj manko de kompreno. Ankaŭ la foresto de germanaj invititoj sekve de la politika situacio inter la du landoj, grave influis.

Mi penas skribi al vi jam morgaŭ vespere tuj post la malfermo de la konferenco kaj la ceteraj aranĝoj de la sama tago.

Sincere via,
G. Agricola.

∴

Vieno, Lundon 21 Majo 1934.

Tre estimata Redaktoro,

Tute formale kaj oficiale mi informas vin, pri mia manko de devo : Mi promesis skribi al vi jam dimanĉon vespere pri malfermo k.t.p. Sed mi forgesis evidente ion. Kaj tio estas Grinzing. Certe vi memoras tiun nomon de vilaĝo, pli bone parto de Vieno, ĉe la piedo de la Viena Arbaro. Kiel ni ĝenevanoj havas « nian » Salève, celo de la dimanĉaj promenadoj, tiel Vieno havas sian Grinzing. Sed ne supozu krutan monton, nek grimpadon lacigan. Kiel ĉio tie ĉi, ankaŭ la pejzaĝo estas mildanima, delikata, kontrastriĉa. Iam en la pasinto, la regiono estis kovrita de vinber-plantaĵoj, de kie ankoraŭ sufiĉe vastaj deklivoj estas verdigitaj. Estas la proksimeco de la metropolo la facila komunikebleco kiu « vienigis » tiun ĉi vilaĝon, kie nun komfortaj vilaoj kaj somerdomoj pli malpli anstataŭis la domojn de kamparanoj. Sed restis la vino, pri kies kvalito mi ne rajtas juĝi, ne estante fakulo. Oni tiom parolas pri « Heuriger » ke mi petis klarigon pri tiu ĉi vorto. Ĝi simple signifas « Nunjara », adjektivo uzata sen aldono de vorto « vino ».

Iom longa estas mia klarigo, ĉu ne, estimata ĉefo ! Nu mi memoras, ke vin interesas folkloraĵoj kaj kiu estas en Vieno, trovas abundan kvanton da tiaj. Do, ankaŭ mi kaptiĝis de tiu ĉi vivo tiom gaja en tiu ĉi loko, ke anstataŭ skribi al vi, mi sidis meze de ĝojplena bando de vienanoj, babilante, kantante, trinkante. Kaj revenis Vienon, kun iom strangaj kapo kaj sento. Feliĉe mi ne suferis je tiuj konataj fenomenoj, kion poeto Scheffel trafe versigis en unu el siaj kantoj :

*Kaj sento de elĉerpo, pezegas sur monto kaj sur val'.*

Kaj pri la malfermo. Ĝi okazis en la Parlamentejo ampleksa, impona, klasikstila konstruaĵo. Kiu legis iom la historion de la iama monarkio, tiu eble memoras, kiun rolon ludis tiu ĉi konstruaĵo, pli precize la Parlamento, kie kunsidis la reprezentantoj de tiu ĉi multlingva Aŭstria Imperio kaj diskutis en ofte ne belaj maniero kaj sinteno la gravajn problemojn de leĝdono. Por ni, anoj de la ideo, ke internacia lingvo grave povus faciligi intergentajn rilatojn tiu ĉi

memoro je tiuj scenoj, vole nevole pensigas, kio estus povinta okazi, se tie ĉi facila lingvo estus ekzistinta. Tiu ĉi penso malfermas vastan eblecon de idea spekulacio kaj ankaŭ de konstato denova, pri homa malsufiĉeco.

Citinde estas, ke tiun pripenson ankaŭ havis miaj kolegoj de la vienaj taggazetoj. Sed mi revenu al la okazintaĵoj. Pentekosto. Belega vetero, tute laŭ la kalendaro. En la stratoj de Vieno abundas veturiloj, plejofte kun ĉevaloj, malpli da aŭtomobiloj, ĉiuj florornamitaj kaj okupitaj de junuloj kaj junulinoj. Estas tago de konfirmo, solenata en tiu ĉi katolika lando tre impresige kaj pompe. Nia programo antaŭvidis diservon en la malnova Minorita preĝejo, troviĝanta en la kvartalo de la ministerioj. Meso legata de prelato Karl Koczy, kion sekvis prediko en nia lingvo de P. D-ro Brunauer, estro de grava unuiĝo, la *Katholische Schulverein*. Atentinda estas, ke la predikanto estas novulo en la lingvo sed tiom kaptita de ideo kaj de la sento de nia movado, ke li promesas fariĝi centprocenta esperantisto. Liaj vortoj sukcesis atingi la korojn de la multnombre ĉeestantaj konferencanoj, ankaŭ nekatolikoj, kaj estis inda komenco de la tago. Mi sciiĝis, ke en tiu ĉi preĝejo okazas regulaj diservoj en Esperanto.

De la preĝejo al la parlamentejo, iom stranga ŝanĝo, la konferencanoj iris piede en longa vico sub la rigardoj de la dimanĉa publiko viena. Feliĉe ke ĉio estas en sama kvartalo, ne malproksime unu de alia. Grandurboj pro etendeco ne estas tre taŭgaj por tiaj manifestadoj, se la ejoj estas dislokitaj.

Eksidas fine la konferencanoj en la benkoj de la iamaj deputitoj. Mi ne povas priskribi la internon de tiu ĉi domo, mankas al mi por tio la vortoj. Luksa sed ne ŝarĝita, signo de arta sento, formoj harmoniaj kaj trankvilaj. En longa vico statuoj antikvaj bordumas la estradon. Kontrasto inter tiuj statuoj kaj nuntempaj homoj, eksidantaj ĉe la tablo.

Eksonas la Aŭstria Ligo-kanto, la nacia himno, kantita de la fama *Wiener Chorknaben*. Kaj enkondukas la konferencon Sinjoro Registara Konsilisto Steiner, precizigante ĝiajn celon kaj signifon. Kaj transdonas la parolon por malfermi la konferencon al Ministro por Komerco kaj Trafiko Stockinger, kies agrablan voĉon multaj konferencanoj jam havis okazon aŭdi en la Radio. Per trafaj kaj klaraj vortoj tiu ĉi reprezentanto de la Aŭstria Registaro skizis la problemon de l'internacia lingvo, ĝian solvon pere de Esperanto, ties instruadon kaj praktikadon.

Oni sentis el la paroloj de l'oratoro, la konvinkon de erudita homo, ne akceptante kion ajn facile, sed juĝante nur laŭ propra konstato. Ano de registaro, kiu publike deklaras tiun konvinkon pri la utilo de Esperanto, pri ĝia socia rolo, ne akcentante la nuran tagan uzadon sed ĝian moralan influon, tio estas ja io nova.

Ĉu mi citu al vi la longan liston de la registaroj, korporacioj, organizaĵoj, kiuj transdonis salutojn kaj bondezirojn? Estas delikata tasko jam pro tio, ke mi neniel volus riski proteston pro ellaso. La urbo Vieno sendis gravan funkciulon Superan Magistrat-konsiliston. D-ro Stollewerk, kiu en germana lingvo plenumis tiun taskon. Bela gesto de la Prepara Komitato estis, sekvigi la enlandajn aŭtoritatojn per salutparolo de Profesoro Bujwid el Krakovo, nestoro kaj pioniro de nia movado.

Inter la registaroj kiuj reprezentigis sin per Viena legacia funkciulo mi memoras tiun de Brazilo, Francujo, Hispanujo, Portugalo, Meksiko, Peruo. El korporacioj : Prof. D-ro Lugmayer, estro de la Viena edukada organizaĵo, tre interesita je nia movado, kion pruvas la fakto pri kreo de konstanta centro Esperantista en unu el plej gravaj konstruaĵoj publikaj en Vieno nome en « Urania ». D-ro Matejka nome de la Ĉambro por laboristoj kaj oficistoj kaj de la Popola Universitato (Volkshochschule), Grafo Zichy nome de la Hungarlanda Societo por Ekstera Politiko. Plie mi menciu alparolon de delegito de l'urbestro de Tel-Aviv, informante pri la okazinta esperantista kongreso en tiu ĉi urbo kaj de la nomigo de strato laŭ D-ro Zamenhof.

Speciale rimarkita estis la facileco per kiu interpretis la Ĝen. Sekretario de l'konferenco Rob. Kreuz, la salutvortojn de l'reprezentantoj el deko da naciaj lingvoj en Esperanton.

Estas ne mia tasko citi ĉiujn korporaciojn kiuj sendis delegiton. Pri tio ja devos aperi raporto dokumentita kiu enhavos verŝajne ankaŭ interesajn korespondaĵojn ricevitajn pri la konferenco.

Al la vico de salutparoloj venis tri referatoj aŭ prelegoj, feliĉa ideo de la organizintoj. Tiujn prelegojn faris konataj fakuloj nome Landa Instru-Inspektoro Prof. D-ro Wollmann *(Esperanto kaj la lernejo)* ; Prof. D-ro Inĝ. Petritsch, rektoro de la Teknika Altlernejo *(Esperanto, Scienco kaj Tekniko)* kaj D-ro Eugen Wüster, kiu salutis en la nomo de la Unuiĝo de l'Aŭstria Industrio (Prelego : *Esperanto kaj normigado)*.

Streĉe oni aŭskultis la prelegojn, riĉe aplaŭditajn.

Ekzistas diro : Multe kaj bone estas pli valora ol malmulte kaj malbone. Tion ŝajne pensis la Registara Konsilanto, kaj sekve surprizis la konferencon per festa prologo, verkitan kaj legitan de Victor Anton Psenner. La prologo estis en germana lingvo kaj esprimis en eleganta formo la ĉefajn ideojn de nia movado, profunde sentitajn de l'verkinto. Sed ne estas fino. La *Wiener Chorknaben*, kiuj kantis komence, ĉarmigis la kunsidantaron per kantado de valso *Historioj el la Viena Arbaro* (Geschichten aus dem Wiener Wald) kio por dek minutoj rejunigis la korojn de ne malmultaj inter la aŭdantoj.

Kaj ĉion kronis la himno esperantista, kantita tiun fojon *ne* de la esperantistoj, sed *nur* de la Chorknaben, kio estis por ni vera arta ĝuo, despli ke malofte oni aŭdas la himnon, korekte kantitan. Plene da impresoj kaj kun malplena stomako ĉiuj eliris. Estis jam unua posttagmeze kaj ĉiuj kuris post la ŝajne deviga fotografado al bone meritita tagmanĝo kaj ioma ripozo.

Mi ja intencis ripozi sed la bela vetero tiom logis al promenado, ke mi lasis ĉiun bonan mempromeson, raporton kaj tiel plu. Ni retroviĝis en la Viena Arbaro, fiero de la vienanoj kaj rajte. La finon vi jam scias el la komencaj linioj de la nuna letero. Kun espero, ke postmorgaŭ mi povos liveri mian tagan raporton pli akurate, mi petas vin, akcepti sincerajn salutojn de via

G. Agricola.

* *

Vieno, 22an de Majo 1934 (Marde).

Kara doktoro,

Daŭrigante mian raporton mi priskribas la unuan laborkunvenon. Ĝi okazis en la Landa Parlamentejo (Landtag) Komence estis diritaj ankoraŭ salutoj de aro da organizaĵoj inter ili la Radio-stacio Brno (Prof. Kilian), de Svedaj Esp. Instruistoj, Ligo de Svedaj Instruistoj (S-ro Beckman, Karlskrona), de la Aŭstria Ligo Virina por Paco kaj Libereco (S-ino Feichtinger), de Esperantistaj organizaĵoj en Jugoslavio (S-ino Lichtenwallner), de Radio Ljubljana kaj de la Turisma organizaĵo Putnik en Ljubljana (S-ro Kozlevĉar). De la Internacia Polica Ligo (S-ro Schwartz, Strasbourg), de Hungarlanda Turista Societo (S-ro T. Kovacs), de Litova

# INTERNACIA KONFERENCO, VIENO

**Akcepto ĉe la Ŝtata Prezidanto, Wilhelm Miklas, sidanta en la mezo.**



**Akcepto en la Ministerio de Instruado. D-ro Schuschnigg, ministro de l'instruado, tria de dekstre.**

Turisma Societo (S-ro Alseika), de Brita Esperanto-Asocio kaj de la TAGE (S-ro Roome, Sheffield), de la Foiro de Reichenberg kaj de la Komerca Ĉambro de sama urbo, de l'universitato de Ljubljana (Prof. Sirk) de Landa Turisma Organizaĵo Stiria (S-ro Schöpfer).

La kunvenon prezidas Profesoro Inĝ. Scholze (Reichenberg). La tagordo enhavis Provlecionon : *La facila Esperanto :* Esperanto, unua fremdlingvo : Esperanto kiel lingvo de kodo kaj korespondado. La unuan taskon plenumis viena samideano, Ernst Werner, skizante en kompetenta maniero la konstruon de Esperanto. Sekvis lin Prof. Scholze (Reichenberg) kiu informis pri siaj spertoj, akiritaj en la instruado de Esperanto en Metia lernejo, akompanita de komparaj ciferoj pri rezultatoj atingitaj, dum dekjaro da instruado. Estas tiu ĉi prelego, kiu plej multe altiris min pro ĝia dokumentita maniero kaj valoro en la konstatoj. Rektoro Jansson (Stockholm) sendis raporton pri instruado de E kompare al naciaj lingvoj. Tiun ĉi raporton legis S-ro Beckman.

Saman raporton laŭ konstruo faris Prof. Sygnarski el Bydgoscsz (Polujo), kies konkludoj bazis egale sur ciferoj. Kaj sekvis S-ro Robert Kreuz, kiu siavice kompletigis tiujn spertojn per citoj el propra praktiko, atentigante pri la tute ne kontentiga rezulto de la fremdlingva instruado, kio logike postulas la plenumon de nia proksima celo : Esperanto en la praktikon pere de l'instruado kiel unua fremdlingvo.

La unua laborkunveno finis. Posttagmeze okazis ekskurso al Klosterneuburg, tiu ĉi malnova monakejo, kiu pli multe similas al kastelo. Gvidis nin Prof. Pauker, klarigante la trezorojn de arto el pasintaj tempoj, kiuj troviĝas en tiu ĉi « Stift », precipe la mirindan Verdun-altaron el oro kaj emajlo. Tiun tagon finis vizito de Strandbano, kie la urbestro de Klosterneuburg parolis al la gastoj, bonvenigante ilin en Esperanto.

La dua laborkunveno Mardon, en sama domo (Landtag) enhavis la daŭrigon de raportoj. Sinsekve parolis pri la temoj, S-ino Amalie Berger, Prof. Sygnarski, S-ro Alseika, kiu speciale akcentas la maljustecon de la lingva ĥaoso sur internacia kampo, vidata de ano de malgranda lingvo, Prof. Dalmau (Barcelona) kies raporto pri spertoj de tradukado en fremdaj lingvoj al propra kaj inverse, renkontis varman intereson de la konferenco. Impresiga estis la raporto de S-ro Geffner, blindulo, kiu priskribis la historion de la movado inter blinduloj, spertoj, rezultoj kaj esperoj. Vico da parolantoj kompletigis la tagon, inter ili mi citas S-rojn von Lidl (Salzburg), Pastron Christanell (Salzburg), Prof. Scholze, S-ron Rousseau. Pastro Christanell sprite citis la tute ne citindan rezulton kiu venas el la instruado de latina, tiom laŭte proponita kiel internacia lingvo.

Ne facile estas citi ĉion kion oni prezentis de interesaj sciindaj faktoj. Ankoraŭ aro da raportantoj sekvis, kaj trafaj vortoj estis eldiritaj el kiu unu ŝajnis al mi kiel laikulo tre prava : Determino de la lingva kapableco sur la bazo de Esperanto. Estis raporto de S-ino Berger (Vieno) pri la influo de l'instruado de Esperanto al la gepatra lingvo.

Riĉa je novaj faktoj ni forlasis la kunsidon. Posttagmeze okazis ekskurso al kastelo Schönbrunn, tieaj bestĝardeno kaj parko. Kaj vespere retroviĝis la konferencanoj en komuna vespermanĝo.

Se mi devus fari konkludon de simpla ĵurnalisto mi trovus nur unu aferon por kritiki : Tio estas, ke el tiuj sennombraj faktoj, estas tiom malmulte da ili konataj al la publiko, ja eĉ al mi, jam esperantisto el diluvia tempo. Ankaŭ alia manko estas, ke la raportoj ekzistas nur en unu ekzemplero. Proksima estas la penso, se tiajn dokumentojn oni posedu se ne presite, sed almenaŭ plimultigite, eĉ se iuj devus pagi iom. Al raportisto, la elĉerpo de vere valoraj detaloj, ja estas tikla afero. Tro facile li preterlasas ion, kio meritas esti konigata, kio estus evitebla per aludita procedo.

La plej eksterordinara sekvas nun. Kiel vi scias, la ŝtata prezidanto de Aŭstrio, Wilhelm Miklas, estas tre bone informita pri nia movado kaj diversfoje tion konkrete montris. Novan pruvon ni vidis en tio, ke li bonvolis akcepti delegacion de la konferenco en la palaco ĉe la Ballhausplatz. La delegacion gvidis Reg. Kons. Steiner kaj la akcepto okazis en la salonoj, kie en 1814-15 kunsidis la fama Viena kongreso. S-ro Steiner per bone elektitaj vortoj, koncize kaj tre klare resumis la celon de la Esperanto-Movado, kion la ŝtata prezidanto atente aŭskultis. Respondante, la ŝtata prezidanto gratulis al la esperantistoj pro ilia homama ideo, akcentis la gravan valoron de nia klopodado, karakterizis tre klarvide la esencajn trajtojn. Fine rimarkigis, ke li bone rekonas la realecon de nia celado por enkonduki helpilon, kiu ne forigas la gepatrajn lingvojn. Oni eksentis el la vortoj de tiu ĉi eminenta viro, ke li ne ripetis ion, kion oni bonintence preparis, sed ke li mem informiĝis. Afabla sinteno, kaj por mi kutimita je la seka kaj sobra svisa maniero, io absolute nova kaj surpriza. La belajn vortojn de la prezidanto rapide interpretis S-ro Robert Kreuz en Esperanto. Manpremante la prezidanto lin dankis, videble impresita pro la facileco de tuja traduko. Sinsekve la konferencanoj estis prezentitaj per S-ro Steiner, al ĉiu la prezidanto diris konvenajn vortojn kaj fine eksidis meze inter ili por komuna fotografado.

Certe vin interesas scii iom pri la vivo en Vieno. Nu, ĝi ne multe diferencas de l'antaŭa tempo, se oni juĝas laŭ la aspekto de stratoj, magazenoj kaj homoj. Ke *io* ŝanĝis tie ĉi, evidentigas la gazetoj kies legado ne pli multe informas ol aŭdiĝas en konversacioj. Juĝante laŭ la plendemo de miaj kuncivitanoj ĝenevaj, mi opinias ke la vienanoj estas malpli plendemaj, malgraŭ multe pli gravaj zorgoj kaj ĉagrenoj. Vera vienano plendante pri la premo de l' tempo, duone ploretas, duone ridetas, pli malpli rezignacie. Mi kredas ke ili havas specialan filozofion kiun mi penas klarigi al vi per jena rakonteto : Instruisto en lernejo demandis la knabojn, kio estas filozofo. Neniu anoncis sin, ĝis fine la plej malgranda leviĝis kaj diris : Filozofo estas homo, kiu malgraŭ plej mizera stato, tamen trovas la vivon bela. Kaj tiel la vienanoj ŝajnas al mi esti filozofoj, saĝuloj el spertado.

Esperante vin en bona farto, bonvolu transdoni miajn respektajn salutojn al Sinjorino Privat.

Sincere via,

G. A.

* *

Vieno, 24an de Majo, 1934.

Kara doktoro,

Mi volis skribi al vi hieraŭ, sed la impresoj estis tiom multaj ke mi simple ne kapablis. En la laborkunveno, Merkredon matene, ni aŭdis daŭrigon de la raportoj en kiuj mi volas citi tiun de Instruistino por fremdaj lingvoj, F-ino Ziwutschka, Vieno (Komerca lernejo). La diversaj parolintoj (S-ino Berger, S-ro Kreuz, S-ro Dalmau, S-ro Rousseau, Prof. Bujwid k.a.) substrekis jam aŭditajn faktojn kaj faris proponojn, kiujn oni retrovos en la rezolucioj. Je tiu ĉi punkto la prezidanto atentigas, ke oni preparu tiajn proponojn kaj rezoluciojn skribe kaj prezentu ilin laŭ la programo morgaŭan tagon. Rilate je propono, prezentita de S-ro Werner, la Direktoro de UEA por Eksteraj Aferoj donis klarigojn pri

faritaj paŝoj ĉe ministerioj de malgrandaj landoj kaj la rezultoj atingitaj. Kaj fine la prezidanto akcentis, ke ne interesas plu tiom la spertoj pri Esperanto en la praktiko, sed ĉefe pri novaj vojoj. Parolas en ĉeĥa lingvo Ministeria konsilanto fervoja, Sinjoro Hondl, skizante la uzadon de Esperanto en la fervojo kaj en la turisma reklamo de la ĉeĥoslovaka fervojaro. Li faris utilajn proponojn kaj rikoltis riĉan aplaŭdon post farita traduko de S-ro Kilian.

Raportas ankaŭ S-ro Reg. Kons. Steiner pri la situacio de Esperanto en la fervojaro ŝtata de Aŭstrio. Estas Aŭstrio kiu unue permesis la portadon de Esp. insigno ĉe fervojoficistoj, kiu starigis oficialajn kursojn por fervojistoj kaj kiu posedas oficialajn ekzamenojn de nia lingvo en la kadro de la ĝenerala lerneja agado. Estas akceptita la propono de solena danko al la aŭstriaj aŭtoritatoj por la konstanta favoro al nia lingvo.

Finnlingve parolis la Vickonsulo de Finnlando en la nomo de finnlandaj esperantistoj, ne povintaj sendi delegiton. Li plie informis pri la granda intereso, kiu ekzistas en interesitaj instancoj, kio montriĝis laste ankaŭ en la eldono de gvidfolio pri Finnlando en Esperanto. Kaj fine franca deputito Roland, transdonis franclingve la salutojn de la rondo de francaj parlamentanoj, kreita por defendi Esperanton kaj akceli ĝian konsideradon.

Aŭdiĝis ankoraŭ raportoj de S-ro Kilian pri la verda Radio stacio Brno, kiu unua kreis regulan Esperanto-servon por diskonigi en Esperanto Sciindaĵojn el Ĉeĥoslovakio.

Lin sekvis S-ro Schwartz (Internacia Polica Ligo) kiu resumis la klopodojn de tiu ĉi ligo, ĝian staton kaj la estontan agadon.

La tagon kronis invito al la Ministerio por Instruado, farita de ministro D-ro Schuschnigg. La invititoj estis prezentitaj al la Ministro, kiu sinsekve salutis la konferencanojn, informiĝante en kompetenta maniero pri nia celado. Bele aranĝitaj tabloj. Babilado en Esperanto, odoro de teo, tintado de tasoj, fumado de cigaredoj prezentitaj al la gastoj, plenigis la spacon. Subite aperas aro da sinjoroj, inter ili la kanceliero D-ro Dollfuss akompanita de Ministro Stockinger, eksministro Vaugoin nuna prezidanto de la Aŭstria Fervojaro, polica prezidanto D-ro Brandl, altaj funkciuloj diplomataj. Dum unu horo la ministroj sidantaj ĉe tablo informiĝis pri la stato de nia afero, kion plenumis en sprita maniero, Dir. Robert Kreuz. La kanceliero impresite pri ĉio aŭdita, volonte konsentis ĉeesti komunan fotografadon kaj sinsekve adiaŭis la konferencanojn prezentitajn al li de Reg. Kons. Steiner.

Kaj fine akceptis la konferencon, la urbestro, anstataŭita de la vicurbestro D-ro Kresse. Antaŭiris tiun akcepton vizito de la gigantaj salonoj, kiujn klarigis funkciulo, ĵus lerninta nian lingvon. En luksa salono de kies muroj rigardis bildoj de iamaj urbestroj de Vieno, salutis la vicurbestro per konvenaj vortoj, kiujn tradukis s-ro Steiner. Prezentado, ĝentilaj vortoj kaj adiaŭo.

Dumtempe la aliaj konferencanoj havis okazon viziti la Imperiestran kastelon Hofburg kaj la Esperanto Muzeon. Vespere reprezentantoj de ĉiuj nacioj parolis sinsekve antaŭ la mikrofono de Radio-Wien laŭ kombinita maniero en propraj lingvoj. La eksperimento bonege sukcesis.

Jen ĉio. Mankas al mi la spirita trankvilo post tiom da impresoj, skribi kaj komentarii ĉion. Estas ekster dubo, ke el tiuj gravaj faktoj rezultos sekvoj plej atentindaj, se la esperantistoj scias profiti de tiu ĉi situacio. Vi tute pravas, dirante, ke lasante la organizan diskuton, la movado progresas. Ke niaj aktivuloj sekvu vian konsilon estas mia deziro.

La raporton pri la fino de la konferenco mi sendos postmorgaŭ.

Samideane salutas via

G. Agricola.

* * *

Vieno, 25an de Majo 1934.

Kara doktoro,

Finis la konferenco. Jaŭde matene kolektiĝis la konferencanoj en la Landtag. La prezidanto de la laborkunvenoj esprimis la deziron, ke oni kunvenu jam je la oka horo, por gajni tempon. Tio tamen ne ebliĝis... iom post iom sentiĝas la laceco.

Prezidas Sinjoro Ed. Stettler, pro deviga forveturo de la prezidanto Prof. Scholze. Parolis ankoraŭ pri Turismo kaj Turisma Servo de UEA, Direktoro Hans Jakob, skizante organizon de tiu grava faktoro en nunaj interrilatoj, la turismo kaj ĝia rilato al Esperanto.

Salutis la konferencon nome de la Polica prezidanto, Staba kapitano S-ro Harus. Estas anoncite, ke parolos vespere en la Polica kazerno, Inspektoro Schwartz (Strasbourg) en germana lingvo pri celoj kaj organizo de la Polica Ligo. Al tiu ĉi prelego la polica aŭtoritato ordonis ĉeeston de ĉiuj policanoj, liberaj de deĵoro.

Vi memoras, ke la grava kompanio Norddeutscher Lloyd uzas nian lingvon por konigi siajn servojn al la esp. publiko. Reprezentanto de tiu ĉi entrepreno ĉeestis tiun lastan kunvenon, esprimis la kontentecon de la direkcio pri la faritaj spertoj en la propagando kaj akcentas, nepran daŭrigon de tiu ĉi servo. Sinjoro Kovacs parolante pri reklamado turisma rimarkigas, ke la Hungara Turista Federacio uzas la servojn de UEA por la disdono kaj elpendigo de afiŝoj.

Sekvis en germana lingvo, vere aŭdinda raporto de *D-ro Hampel* pri aŭtora rajto, berna konvencio pri tio, patentdokumentoj kaj necesa uzado de Esperanto en tiu ĉi kampo, precipe por fiksi klarajn esprimojn ĝis nun mankantaj. Tre verŝajne multaj el la ĉeestantoj ne komprenis tute la aferon kaj pro tio la interpreto de S-ro Stettler en sia klara al ni tiom bone konata maniero, efikis bone. Varma aplaŭdo al referinto kaj tradukinto konfirmis, ke oni komprenis la aferon. Fine parolis ankoraŭ S-ro Kreuz pri spertoj faritaj en patent-aferoj (tradukoj maltaŭgaj, preparo de teknikaj vortaroj laŭ ideoj de Prof. Hampel). S-ro Kozlevĉar (Ljubljana) pri la esp. propagando de la turisma oficejo en sia urbo, S-ro Schöpfer (Voitsberg) pri neceseco subteni niaflanke nur tiujn organizaĵojn kiuj faros la samon pri nia movado, kaj fine S-ro Beckman (Karlskrona) pri la Turisma Servado starigita de la esp. Turista Komisiono en Stokholmo, organizo de vojaĝoj en la Baltaj Landoj.

La referatoj per tio elĉerpiĝis kaj la prezidanto anoncas, ke estas tempo por prezenti rezoluciojn. Kaj nun venis lavango de rezolucioj, temantaj pri plej variaj deziroj, kiuj ne povas esti komunikataj en letero. Inter kelkaj komunikoj, mi citu al vi unu: La movado en Aŭstrio staras hodiaŭ bone eĉ tre bone. Favora sinteno ĉe la registaro, aro dak apablaj homoj, pretaj labori decide kaj nova entuziasmo. Estas do tre grava, ke sur la bazo de la novaj societaj kondiĉoj, Esperanto kaj ĝia organizaĵo trovos lokon en kadro de la Popolkleriga Organizo kio estas etapo por la iom post ioma enkonduko de nia lingvo en la lernejojn en Aŭstrio, se ne tuj devige, tiam almenaŭ fakultative. Parolas ankoraŭ reprezentanto de la Sankt Georg-skoltoj, aŭstria skolta organizaĵo, kiu salutas la konferencon, atentigas pri la klopodoj enkonduki nian lingvon

ĉe la skoltoj kaj postulis kiel minimumon, ke la gvidantaj skoltaj lernu la lingvon por konstati ĝian utilon.

Ni aŭdis ankoraŭ kelkajn valorajn sugestiojn rilate je la moralaj flankoj de nia klopodado inter kiuj tiu de F-ino Ziwutschka (valoro eduka de Esperanto por la paco).

Per tio finis la paroladoj. Kaj venis la momento por esprimi la dankojn, kion S-ro Stettler plenumis per sincersentitaj vortoj al la aŭtoritatoj, precipe ŝtataj kaj urbaj kaj al la du organizantoj : Hugo Steiner kaj Rud. Mich. Frey. S-ro Stettler atentigas kaj rememorigas, kiom da simpatio kaj reala helpo ni renkontis en tiu ĉi lando kaj en Vieno, kio rajtigas je plej belaj esperoj. Kaj ni ne forgesu kiu tion atingis. Ni ripetu :

*Samideanoj Steiner kaj Frey bone meritis por la afero.*

Siaflanke la du organizantoj esprimas dankon precipe al la Ĝen. Sekretario de la Konferenco, Robert Kreuz kaj al Sekcia ĉefo D-ro Uebelhör, kaj por la rekono de ĉio kion oni faris kaj al ĉiuj kiuj ebligis la konferencon. La konferenco estus doninta ankoraŭ pli gravajn rezultojn, se la vere eksterordinaraj cirkonstancoj, ne estus malebligintaj multon. Al la klarigoj pri diversaj aferoj, pluraj el la konferencanoj esprimis persone sian kontentecon kio harmonie kronis la finon de la konferenco.

---

Postrimarko : Senkulpigu min, sinjoro redaktoro, se mi iom resume skribis pri la lastaj aferoj. La abundeco de la prezentita materialo ja iom embarasigis min : Kion mi konsideru kiel plej gravan tuj dirindan kaj kion mi lasu al la oficiala raportado laŭ la dokumentoj kolektitaj de la Direktoro por Eksteraj Aferoj ? Pro tio mi kun ĝojo aŭdis, ke tia oficiala dokumentaro estas antaŭvidita, se la necesaj rimedoj troviĝos. Jam kelkaj el la konferencanoj, inter ili Prof. Bujwid kaj F-ino Ziwutschka deklaris subteni mone laŭ ebleco. Estas ja damninda fakto, ke niaj budĝetoj estas tiom kunpremitaj, ke tiaj dokumentaroj, tiom utilaj por la daŭrigo de nia laboro, ne estas preseblaj. Mi aŭdis ion, ke eventuale la aŭtoritatoj tie ĉi iomete intervenas. Sed tio ne solvas la problemon, kiel *ni* uzu tiujn valorajn dokumentojn por nia laboro. Kion vi pensas, pri ebla alvoko en nia revuo, subteni tiun eldonon per donacoj ?

Mi multe bedaŭras ke multaj ne povis veni al Vieno. Estas ja bedaŭrinde ke ĉiam eksteraj cirkonstancoj influas nuntempe nian movadon. Sed mi denove ripetas kion mi jam skribe esprimis al vi : Nia movado devas resti absolute kaj senkondiĉe ekster diskutoj politikaj, tiom alarmigaj ja iafoje povus esti okazintajoj. La rolo de Esperanto kiel lingvo estas ĉiam paciga, egaliga, interkonsentiga, ne nur inter gentoj, sed ankaŭ inter klasoj. Kion mi aŭdis tie ĉi de sinceraj amikoj de nia lingvo, estas kuraĝiga. Mi ĝojus se mi povus baldaŭ vidi vin kaj rakonti miajn impresojn personajn. Intertempe komplimentojn al Sinjorino Privat kaj manpremon al vi,

Via sincere,

Georg Agricola.

---

## AŬSTRIO

ESPERANTO siatempe informis pri la dissolvigo de la laborista organizajo esperantista en Aŭstrio. Tiu ĉi Laborista Asocio (ALLE) kalkulis 2400 anojn, eldonis periodajon bone redaktitan kaj absorbis multajn elementojn progresemajn, do ne nur laboristojn. La likvido de la asocio, estas konfidita al Samideano Hovorka, kun la speciale formulita konsento, valorigi tiujn fortojn por la bono de la popola kleriga movado, kie Esperanto trovas indan lokon kaj sendepende de politikaj konsideroj povos trovi vastan agadkampon. Feliĉa koincido, ke la registaro tre bone komprenas kaj scias distingi nete inter lingvo kaj Movado. Tiucele ankaŭ la movado mem ricevos ŝatindan subtenon kaj estas citinde ke por dokumenti tion, la estonta centro de la movado en Aŭstrio troviĝos en unu el la plej interesaj konstruajoj en Vieno : URANIA. Tio estas Popolkleriga organizajo, fondita 1897 kiu posedas variajn aranĝojn de klerigado sur ĉiuj kampoj de l' homa scio. Konstatinde estu, ke ĝis nun la estraro rilatis neniel amike al Esperanto. Tio nun ŝanĝis. Nia movado ricevos centron en la Urania-domo, apud la Aspern-ponto ĉe Danuba kanalo en la centro de la urbo. Post la konferenco, kelkaj konferencanoj (S-roj Stettler, Hans Jakob, ĉefdelegito Bernfeld) vizitis laŭ invito de S-ro Hovorka la Urania, kie ili havis okazon konatiĝi kun la aranĝoj, servoj kaj ideoj de tiu ĉi organizajo. Fine ili estis akceptitaj de la prezidanto, de la afergvidanto de Urania kiuj montris grandan intereson por nia movado. Sur jena paĝo aperas bildo de la giganta Urania domo, kie baldaŭ flirtos la verda standardo.



**Urania. Centro de la Esperanto-Movado Viena**

# Universala Esperanto-Asocio

**Sub nova reĝimo — La kunveno de l'Estraro — Tagordo — La kunsidoj — Gazet-unuecigo**

### Sub nova reĝimo

La *Interkonsento de Kolonjo* stariĝas novan ordon en la Esperanto-Movado. Erare estus kredi, ke tia skriba dokumento sufiĉas. Necesas tion diri al malpacienculoj, kiuj atendis tuj post Kolonjo la efektivigon de l'esperantista Paradizo.

Post kelkaj monatoj da klopodado ni povas diri, ke la apliko de l'Interkonsento realiĝis en la ĉefaj landoj. Konstatite estu, ke pri aro da detaloj necesis ampleksa korespondado, ĝis plena klareco estis atingita. Je la fino de Aprilo 1934 la tuta verko kroniĝis per la akcepto de l'statuto en la voĉdono de la Delegitoj. De nun regas ne nur praktike sed ankaŭ formale, nova reĝimo.

### La Paska kunveno

Ĝi okazis pro la kalendara frueco, 30an de Marto kaj daŭris ĝis 2a de Aprilo. Partoprenis la kunvenon : Ed. Stettler (Prezidanto de UEA), Johannes Karsch, Dresden (Vicprezidanto), Generalo Bastien, Paris : Paul Blaise, London : D-ro St. Kamaryt, Bratislava : Fritz Rockmann, Magdeburg, kiel anoj de la provizora Estraro de UEA.

Ĉeestis plie : Direktoroj Hans Jakob kaj Robert Kreuz, kaj kun konsento de l'estraro Alfred Rehmann, oficisto.

Okazis sep kunsidoj, kun entute 30 horoj. Protokolis vice la Estraranoj.

### La tagordo,

enhavis jenajn traktotajojn :

1. La nova organizo. Raporto.
2. La jaro 1933. Bilanco, k.t.p.
3. La jaro 1934. Budĝeto 1934.
4. Diversajoj.

Pro interveno de aliaj aferoj, speciale pro la diskuto pri la gazeto, necesis ŝanĝo en la ordo. Direktoro Hans Jakob submetis centpaĝan raporton kun multaj aldonoj. Tiu ĉi raporto, kiu servis kiel bazo de la diskutata afero, ne alvenis ĉe la estraranoj kiel necesis du semajnojn antaŭe, pro neebleco ricevi kaj prilabori ĉion ĝustatempe.

### La kunsidoj

La unua kunsido, (Vendredo ptm.) fiksis la kompetentecon de la provizora Estraro, ĝis plena transiro al la nova sistemo. Estis elektita kiel prezidanto de la kunveno Ed. Stettler. Li skizis la ekeston de la nova statuto, kiun kontrolis S-roj Goldsmith kaj Schoofs pri la adapto al la decidoj de Kolonjo. Ili konfirmis la korektecon kun gratuloj al la verkinto de la nova statuto.

Ampleksan diskuton kaŭzis la nova statuto ĉefe pri malsamaj perceptoj en la jura situacio de la simplaj membroj kaj en la formo de la nova UEA.

Sekvis diskuto pri la konsisto de l'nova komitato. Ĝis meze de Marto dek Asocioj nomis siajn komitatanojn, entute 16 kaj antaŭvidotaj estas pluaj 6-8 tiel ke la nova komitato kalkulos 22-24 anojn. Laŭ la statuto restas tiam 8 nomotaj de la origina komitato. Estas proponitaj : S-roj Blaise, Cseh, Karsch, Merchant, Privat, Rockmann.

La prezidanto resumas la diskutitajn aferojn kaj konkludas : Estos faratajn al la *komitato* du proponoj :

1. Konservi la kutimajn normprezojn de la kotizoj (Art. 14 de la statuto).

2. Elekti S-rojn Hans Jakob kaj Robert Kreuz kiel Direktorojn.

Diskutante la statuton, la partopreno de la Fakaj Societoj (Art. 18) elvokis viglan priparolon. Ankaŭ tie regas malsamaj vidpunktoj. La kunsido decidis, remeti tiun demandon al studo ĝis aliaj pli urĝaj demandoj de la organizo estas solvitaj.

Fine oni elektis S-rojn Bastien kaj Blaise por kontroli la librotenadon kaj bilancon de 1933, S-rojn Karsch kaj Kamaryt por tiu de la Kapitaloj.

* *

La dua kaj tria kunsidoj (Sabato) aŭdis la raportojn de la kontrolantoj de la Kapitaloj pri kies konsisto informis la prezidanto. La kontrolo de la bilanco kaj librotenado de UEA postulas pli longan tempon, sekve oni reprenos la raporton pri ĝi Lundon matene. La kunsido decidis, konsenti uzi bonhavon de 3.900 Frk. kiel transpagon de la Garantia Kapitalo al la Centra Kaso.

Sekvis sistema priparolo de la Bilanco 1933, pri kio informis detale la raporto submetita. Estas akceptita la Bilanco de 1933 kun danko al la verkinto kaj la oficistoj. Pri la budĝeto 1934, submetita al la Komitatanoj de UEA jam en Kolonjo kaj modifita dum Oktobro 1934 diversaj klarigoj de la Direktoro estas aŭditaj. Estas akceptita deziro de G-lo Bastien, ke la Jarlibro enhavu ĉiujare resuman priskribon de la movado laŭlande, plie liston de la libroj aperintaj. Kiel finsumon de la budĝeto por la jaro 1934 oni akceptis 60.000 Frankojn por la *Internaj Aferoj* kaj 15.000 por *Eksteraj Aferoj*, kune 75.000 Frk. La budĝeto estas do akceptita. La kunsido esprimis specialan dankon al la verkinto por la riĉe dokumentita raporto.

* *

La kvara kunsido, (Dimanĉo) okupiĝis pri la revuo *Esperanto*, pro la veno de la Redaktoro, D-ro Privat. La Estraro aŭdis leteron de S-ro Teo Jung, kiu akceptis inviton por submeti sian planon de kunfandiĝo de la revuo de UEA kaj de Heroldo de Esperanto.

D-ro Privat skizis la gvidliniojn laŭ kiuj li laboras kaj li akcentis, ke estas de granda signifo, ke regu fine denove paco kaj konkordo en la movado. Li montris, ke ĉiam kiam oni *ne* diskutis pri organizaj problemoj, floris la movado kaj kreskis la intereso de la esp. publiko. La konkludo estas, ke organizemo estas ĉiam perdo de tempo. Finante li petas konigi kritikojn kaj opiniojn pri la gvido de la revuo. Montriĝis, ke oni estas kontenta pri la evoluo de la revuo kvankam multaj deziroj devas esti formetataj pro la deviga ŝparo.

Inter la deziroj kaj proponoj estas iuj, kiujn la redaktoro prikonsideras. Ĉio dependas de la financa flanko, kiel klare

montris la ciferoj prezentitaj. Post abunda « por » kaj « kontraŭ » argumentado pri la faritaj proponoj, la Estraro decidis esprimi dankon al la redaktoro pro la bonega laboro plenumita. Pri la estonto oni decidos *nur* post aŭdo de la proponoj de Sinjoro Jung.

Estis decidite kaj akceptite, ke Direktoro Rob. Kreuz verku ĉiumonate kolonon pri la movado, informante pri la ĉefaj faktoj okazintaj.

La prezidanto tiam transiris al la diskuto pri alia materiala organizo de la revuo, interalie la proponoj pri kunfandiĝo de la du ĉefaj organoj. La iniciato pri tio venis de *Heroldo de Esperanto*, sekve de publikigita alvoko. Por havi klaran situacion, la Estraro akceptis la inviton faritan al la posedanto de tiu ĉi periodaĵo.

Skizis la tutan problemon, Direktoro Hans Jakob. Jam antaŭ jaroj (1929) UEA korespondis kun S-ro Jung por profitigi la membrojn en ia ajn formo de la kvalitoj de Heroldo de Esperanto. Sed financaj kaŭzoj malebligis ian aranĝon, laŭ konstato de ambaŭ partoj. Eĉ kunigo de abonoj (aldono de HdE) en taŭga formo al la kotizoj de UEA, ne montriĝis praktikebla, parte pro statutaj kaŭzoj.

Revenis ĉiam la deziro je pli ofta apero de *Esperanto*. Responde al tio, la Direktoro studis tion kaj enketis. Propono eldoni *Esperanto-n* en granda formato, dufoje monate kun preskaŭ duobla amplekso de *nuna revuo*, ne trovis aprobon, ĉe la komitato kaj ĉe la ĉefdelegitoj de UEA (50 personoj), kiujn ni demandis. Rimarkinde estas, ke malgraŭ favora prezento de la plano, nur *tri personoj demanditaj* subtenis la proponon, kiu cetere *ne* antaŭvidis necese plialtigon de la abono (kotizo) sed nur proporcian kreskon de la Membro-abonantoj, ĉirkaŭ 600.

Fina decido pri la afero estas prokrastita ĝis alveno de Sinjoro Jung. Oni transiras al la elekto de redaktoro por sekvantaj tri jaroj. La Estraro decidis proponi al la Komitato reelekti D-ron Privat kiel redaktoron.

* *

La kvina kunsido (Dimanĉo, ptm) estis dediĉita al la Sekcio de Eksteraj Aferoj. Raportas Direktoro Rob. Kreuz pri la agado depost Kolonjo ĝis nun. Pro manko de mono kaj la ĝenerala situacio, nenio aparte grava povis esti entreprenata kaj nur kun peno estis eble daŭrigi la kutimajn laborojn. Sinsekve S-ro Kreuz informas pri la aferoj kun detalaj klarigoj pri ĉiu unuopa punkto. Post diskuto pri iuj punktoj, la raporto estas akceptita kun danko. Fine li informas pri la konferenco de Vieno, skizas la laborplanon kaj montras la malfacilaĵojn kiujn renkontis la ĉefa klopodanto, S-ro Reg. Kons. Steiner.

Kontraŭe la preparoj por la 26a U.K. bone progresas kun ĝojiga nombro da aliĝoj. Diversaj detaloj de la kunsidoj dumkongresaj estis principe deciditaj.

Pri la estontaj kongresoj estis aŭditaj diversaj ideoj deziroj kaj konstatoj. S-ro Kreuz studis ĉion, kaj dokumente informis la estraron. Pro tio, ke ĉio estas en prilaboro, pliaj detaloj ne estas nun konigeblaj. Raportis tiam S-ro Stettler pri la vizito kiun li havis de delegacio itala veninte al Bern, por inviti la 27an kongreson al Romo. La diskutado pri ĉio aŭdita fariĝis tre vigla, pruvo kiom fortan intereson renkontas nia jara manifestacio internacia. Fine la estraro decidis ke la invito al Romo estu akceptita kaj ke estu antaŭvidita la 28a kongreso en Aŭstrio.

**Gazet-unuecigo**

La sesa kunsido (Pasko-Lundo) unue traktis diversajn aferojn lasitajn pro oportuneco al tiu ĉi tago. Ĉeestas tiam Sinjoro Teo Jung, posedanto de Heroldo de Esperanto, vojaĝinta de Köln por submeti sian proponon pri la — gazetunuecigo —. Post salutvortoj de la prezidanto, S-ro Jung deklaris, ke temas por li pri principa demando de kunigita organo, sed ne pri malaperigo de *Esperanto* aŭ de Heroldo ! La prezidanto tiam atentigas pri la fakto ke *Esperanto* estas laŭstatute fiksita eldonaĵo kaj petas S-ron Jung, klare apartigi proponojn laŭ *du* eblecoj :

1. Presado de periodaĵo laŭ decido pri formo kaj cetera aranĝo, kun redaktado kaj pretigo senŝanĝa.

2. Kontrakto pri eldono, laŭ kiu la nova periodaĵo aperu en Köln ĉu plene, ĉu parte redaktita de S-ro Jung kaj kunlaborantoj aŭ luante al UEA certan nombron da paĝoj.

Respondante al tio, Sinjoro Jung disdonas tabelojn kun prezoj de eldono de periodaĵo laŭ formato kaj aranĝo kiel nuna Heroldo, proksimume 400 paĝoj jare, 52 numeroj. Sekvas principa diskuto, el kio kristaliĝis :

1. Konstato de S-ro Jung, ke la nuna *Esperanto* estas relative tre malmultekoste presata.

2. Propono de S-ro Jung, ke UEA transdonu al li la plenan eldonadon de periodaĵo kun redaktado. Li kalkulas por 6.000 ekz. semajne, 8 paĝoj 52.000 Gmk kio respondas al proks. 65.000 Frankoj svisaj, (325.000 fr. Fr.). La unuopaj ciferoj prezentiĝas jene : (En svisaj Frankoj)

| DETALO : | Por 3000 ekz. | Por 6000 ekz. |
|---|---|---|
| Redakciado-administrado .. | 12.025.— | 15.275.— |
| Papero kun envolvo ..... | 2.925.— | 5.850.— |
| Kliŝoj ............ | 2.275.— | 3.050.— |
| Kompostado, presado .... | 17.550.— | 20.462.— |
| Adresado, ekspedo........ | 1.950.— | 3.900.— |
| Afranko (gazeta) ......... | 8.775.— | 16.250.— |
| Tuta kosto : Fr. sv. ..... | 45.500.— | 64.787.— |
| Kosto de unu abono por tuta jaro .......... Frsv. | 15,17 | 10,80 |

Oni povus do diri, ke la propra kosto por unujara abono ĉe 3.000 ekz. estas Frk. sv. 15.—, ĉe sesmil ekzempleroj 10 Frankoj. La supra kolono montras koston por trimil pro tio, ke Sinjoro Jung kredas, ke eĉ ununura organo, ne povos atingi pli multe da abonantoj, en la nuna tempo.

Tiam la konkludo estis facila. Aldonante la koston por Jarlibro (kiu ne konsistas nur el la presado kaj ekspedo, kiel nespertuloj kredas) oni devus postuli kotizon svisfrankan inter 15 ĝis 18 Frk. (Sen favorprezoj.)

Post tiuj informoj sekvis diskutado kiu forgesigis al la kunsidintoj eĉ la horon de la tagmanĝo. Oni komparis kun *Esperanto* kies budĝeta kosto por 1934 antaŭvidas kun redaktado inter 12.000 ĝis 13.000 Frk. por 200 paĝoj kaj 6.000 ekzempleroj, 12 kajeroj. Kaj oni rigardis la enspezojn de la pasinta jaro, konstatinte, ke la meza kotizo ricevita por Membro-Abonanto estis Frk. 7.23 kaj estos en 1934 sub **6 Frankoj, 20 % sub la nivelo de la antaŭmilita epoko.**

Aŭdiĝis diversaj ideoj. Ĉiuj senescepte konsentis, ke estas **neeble** altigi la kotizojn, kio praktike signifus duobligon en la plimulto de landoj. Alia fakto estas, ke ŝanĝo de kotizo

postulas reprenon de la tuta organiza diskutado, ĉar en deko da landoj ekzistas unika kotizo.

Post tio Sinjoro Jung proponas alian sistemon : Specon de membreco kun semajna, kaj alian kun monata periodaĵo. Flankenlasante la komplikecon, tio ne solvas esprimitan deziron kaj fakte restus la risko kaj sama ŝarĝo.

Resumante la prezidanto demandas S-ron Jung, ĉu laŭ la disponeblaj rimedoj t.e. inter 15.000-20.000 Frk. sv., li povus liveri ion pli taŭgan kaj pli allogan ol *Esperanto*. Tion sinjoro Jung ne povis respondi tuj.

Tiam venis ankoraŭ la demando pri la preskondiĉoj en Germanujo. Evidentiĝas, ke oni ne povas ricevi tute precizan informon pri la ebleco de libera redaktado kaj apero, tiel kiel ni kutimas en nuna presloko. Je tiu ĉi punkto S-ro Jung deklaris, ke li estus preta se necese forlasi kun sia presejo urbon Köln por iri al eksterlando.

Sekvis tiam la diskuto de la estraro, en foresto de Sinjoro Jung.

Denove la prezidanto resumis la tuton. Estas redaktita seppunkta protokolo, kun jena teksto :

1) La Estraro dankas al Sinjoro Teo Jung, ke li bonvolis veni al Genève por priparoli la eblecojn kunigi la oficialan organon de UEA kun lia gazeto : Heroldo de Esperanto.

2) La Estraro estus ŝatinta uzi la kvalitojn de la entrepreno de S-ro Jung kaj liveri al la membroj de UEA periodaĵon pli ofte aperantan, sed evidentiĝis el la raportoj de la ĉeestantoj ke en la plej multaj landoj la ekonomia situacio malebligas al la membroj pagi pli altan kotizon de MA ol la ĝisnunan. Plie la Estraro konstatas, ke la ĝisnuna eldonado de nia organo estas farata kun la minimumaj elspezoj.

3) El kunigo de ambaŭ gazetoj rezultus profito sole por la personoj ĝis nun abonintaj ambaŭ gazetojn. Sed la prez-plialtigo rezultanta el la nov-aranĝo, malebligus aliflanke al multaj personoj, resti membro-abonantoj. Ĉar jam la ĝisnunan kotizon granda nombro el ili, nur tre pene povas pagi.

4) Tial la Transira Estraro sole povis demandi Sinjoron Jung, ĉu li estus preta liveri, je la samaj kostoj, kiujn UEA ĝis nun elspezas periodaĵon pli ampleksan kaj pli ofte aperantan ol la nuna revuo *Esperanto*.

5) El la respondo de Sinjoro Jung la Estraro konstatas, ke li ne povas fari proponojn sur la bazo de la ĝisnunaj elspezoj.

6) La Estraro estas preta rekonsideri la problemon, kiam la ekonomia situacio permesos al ĝi antaŭvidi pli altajn abonprezojn, por pli ofte aperanta gazeto kaj kiam la politikaj cirkonstancoj ebligos al UEA liberan elekton de la presloko.

7) La Estraro prenis noton de deklaro de S-ro Privat, farita antaŭ la komenco de la diskuto, ke konsideroj pri lia persono devas neniel influi la decidojn pri la gazeto.

***

En ĉeesto de Sinjoro Jung estas laŭtlegata tiu ĉi protokolo. Li kontraŭdiras, ke al la Membro-abonanto povus esti liverota la *monata Heroldo*, kiu estas pli malkara ol *Esperanto* kaj neas, ke nur tiuj personoj profitus de nova aranĝo, kiuj nun jam abonas la du periodaĵojn. Sinjoro Jung konfirmas, ke li ricevis proksimume 40 korespondaĵojn kun aprobo de nova aranĝo. Fine la Estraro konstatas laŭdokumente ke alvenis en Genève je tiu tempo, nur tri skribaĵojn pri la problemo, post apero de la alvoko en Heroldo.

### Ferma kunsido

Ĝi okazis Lundon ptm., kaj estis la sepa kunsido. Oni finparolis la gazetaferon en ĉeesto de Sinjoro Jung. Li akceptis kunsubskribi deklaron, rezervante al si la rajton reveni al la temo en sia propra gazeto kaj fari proponojn. Li akcentas, ke li nepre propagandas por UEA.

Direktoro Hans Jakob submetis diversajn proponojn por vigligi la varbadon, kiun post faro de kelkaj ŝanĝoj la estraro akceptis. Post rediskuto de aro da aferoj, la parolo estas al Direktoro Rob. Kreuz, kiu informas pri la ŝlosiloj, la propagando kaj la rilataj fundoj. Unuvoĉa danko estas esprimita al li pro lia laboro kaj la lerta administrado de tiuj du fundoj.

Tiam Direktoro Jakob honoras la memoron de mortinta ĉefdelegito de UEA Frans Schoofs, informis pri la ampleksa laboro plenumita de tiu ĉi bona amiko, subite forlasinta nin. La ĉeestantoj silente aŭskultis kun emocio.

Alproksimiĝas la fino de tiu ĉi plej laborriĉa kunveno de UEA estraro. Sinjoro Stettler esprimis la koran dankon al vicprezidanto Karsch kiu dum pasinta vintro multege skribadis kaj penadis por UEA, kaj al la partoprenintoj de la nuna kunveno. Fine G-lo Bastien prezentas la dankon de la Estraranoj al Prezidanto Stettler pro la majstra gvidado de la kunveno (Fino 19, 15). (Resumis : H. J.).



## Vizitu Norvegan Landon

*Antaŭkongreso en Oslo la 2an kaj 3an de Aŭgusto* 1934.

*Programo por la antaŭkongreso;*

*Jaŭde la 2an de Aŭg.;* Alveno plej malfrue je la 13.00a.
Je la 15.00a : Rondveturado en Oslo. Holmenkollen, Frognerseteren, Kragstenen al Norsk Folkemuseum (Norvega Popolkultura Muzeo.)
Je la 16.30a : Vizito en la Popolkultura Muzeo kaj en la domo de la vikingaj ŝipoj.
Je la 20.00a : Komuna manĝado en la hotelo de K.N.A. (Reĝa Norvega Aŭtomobilklubo), kabareto kaj dancado.

*Vendrede la 3an de Aŭg.;*
Je la 9.30a : Vizito de salono Munch en la Nacia Galerio.
Je la 11.00a-14.30a : Ŝipekskurso en la okcidenta parto de la fjordo.
Je la 15.00a : Lunĉo en restoracio Skansen.
Je la 19.00a : Forveturo al Stockholmo de la orienta stacidomo.
Ĉi ĉio kostas nur 18.— norvegajn kronojn ! En tio ne estas enkalkulita la hotelo kaj la ne menciitaj manĝoj.

***

Adreso : Carl Stop-Bowitz, Gjetemyrsveien 11, Oslo, Norvegujo.

# Kongresoj

## Brita

La 25a Kongreso de Britaj Esperantistoj okazis en Hastings, (bela banurbo ĉe la Suda marbordo), sub la patronado de lia moŝto, H.R.H. La Duko de Connaught, K.G., kaj la urbestro de Hastings, kaj aliaj eminentuloj. Bela vetero favoris la kongreson kiu plene sukcesis. Inter la aranĝoj estis interkonatiĝa kunveno kun vigla kantado, balo, kaj grandioza koncerto en la Pavilono. Diservo havis lokon, kiam Pastro Kersley predikis. Sabaton okazis kunveno por diskuti Esperanton en Edukado, kaj S-ro Butler (Eduka Sekretario de la B.E.A.) parolis pri la enkonduko de nia lingvo en lernejojn. Lundon la kongresanoj ĝuis tuttagan ekskurson por viziti la multajn kastelojn, k.t.p. en la najbarajo.

La plej interesa fakto estas ke ĉe la publika koncerto en la Pavilono, S-ro Boutwood estis permesata paroli pri nia lingvo antaŭ du mil personoj. Li parolis Esperante al la ĉeestantaj alilanduloj, do la grandega amaso aŭdis la sonon de nia kara lingvo — (bona reklamado, ĉu ne ?)

## Unua Proksim-Orienta

La unua Proksim-Orienta Esperanto Kongreso okazis en Tel-Aviv (Palestino) la 10-11-12-an de Majo 1934.

Pli ol cent samideanoj ĉeestis la solenan kongresmalfermon ĵaŭdon vespere je la 7-a en la salonego de l'komerca altlernejo, por aŭskulti la prelegon de salut-telegramoj kaj leteroj, — inter ili de la Zamenhofa familio kaj de F-ino Lidja Zamenhof — kaj la entuziasmajn salutparoladojn de en- kaj eksterlandaj reprezentantoj. S-ro Imanuel Harusi, reprezentanto de l'Levant-foiro certigis pri favora sinteno de l'foiro al Esperanto kaj salutis la kongreson, kiel gravan kulturpaŝon. Post prelego de referato pri la disvolviĝo de l' Levantaj landoj, pri la ĉiam kreskanta komerca kaj turisma trafiko en ili, kiu samtempe postulas kaj ebligas vastan uzon de Esperanto, la unua kunsido finiĝis per kanto de l'esperantista kaj hebro-nacia himnoj.

Vendredon matene la kongresanoj grupe vizitis la grandiozan Levant-foiron kaj la Esperanto-standon en ĝi. Tagmeze je la 12-a okazis la ĉefa programpunkto de l' kongreso : la inaŭguro de Zamenhof strato, kun afabla partopreno de l' urbestro de Tel-Aviv. S-ano Lahovicki Del. U.E.A. (Jerusalem) malfermis la inaŭguran solenon je la nomo de U.E.A. Sonis mallongaj, sed sencriĉaj kaj sentoplenaj paroladoj. La urbestro, S-ro M. Dizengoff inaŭguris la straton per varmaj, elkoraj vortoj.

Posttagmeze je la 3-a okazis laborkunsido, kun landaj raportoj kaj interesaj referatoj. Estis pritraktata la neceso kaj eblo de kunlaboro inter la esperantistaro de l' Levantaj landoj.

Sabaton matene okazis la dua Palestina tutlanda kunveno kun raportoj de divers-lokaj grupoj pri ilia agado kaj kun serioza pritrakto de estontaj propagand-manieroj. Ĉefa atingaĵo de l' kunveno estas la elekto de kvin-persona komitato (2 el Jerusalem, 2 el Tel-Aviv, 1 el Haifa), kies devo estas ellabori statuton por tutlanda organizo, kaj ĝenerale prizorgi la tutlandan movadon.

Post komuna tagmanĝo la kongresanoj promenadis kaj ripozis sur la belega marstrando de Tel-Aviv. Je la 7-a en kafejo « Neĝo de Libanon » adiaŭ-vespero : vivanta gazeto amuzaj prelegoj, festmanĝo kaj varma adiaŭo... Venontjara kunveno okazos en Jerusalem.

## Bulgara

La XXI Bulgara Esperantista kongreso okazos en la pitoreska apuddanuba urbeto RAHOVO. La kongreso estos sub la protekto de la loka urbestro S. Torbov.

Senpaga pasportvizo kaj konsiderinda rabatveturado per la bulgaraj fervojoj kaj la danubŝipoj certigitaj.

La kongresurbo estas facile atingebla por la gesamideanoj el la apuddanubaj ŝtatoj. La vivo en Bulgario estas vere MALMULTEKOSTA. Unutaga komforta restado en Rahovo kun pensiono plena kostas inter 70-100 leva (3 RM germanaj) maksimume.

La eksterlandaj gesamideanoj estas kore invitataj al partopreno kaj ferio sur la unikaĵo esperantisata'-INSULO « ESPERANTO » posedaĵo de la loka esperantista societo kaj troviĝanta en la mezo de la blua Danubo, 7 kilometrojn oriente de la urbo.

La abunda kongresa programo certigas maksimumon da ĝuo kaj plezuro. La programo antaŭvidas teatran prezentadon de la burleskaĵo « Sinjoro Herkules » de G. Belly kaj de opereto, ludota de infanoj, lernintaj en la porinfanaj kursoj de S-ro R. K. Tričkov en Rahovo kaj Bela-Slatina, kaj kelkajn ekskursojn perŝipajn sur la Danubo kaj la ĉirkaŭaĵoj.

La tutmondaj gesamidanoj estas kore invitataj al partopreno de la XXI Bulgara kongreso kaj ili estu certaj ke revenos el Rahovo kun MALMULTAJ ELSPEZOJ, GRANDA ĜOJO KAJ NEFORGESEBLAJ MEMOROJ.

Pluajn informojn, kongreskotizon (1 sv. franko aŭ egalvaloro), donacojn por la fondaĵo « ARBARUMO DE LA INSULO » kaj mendoj de la kongresa karto ilustrita (8 leva por serio el tri diversaj poŝtkartoj de la insulo « Esperanto » petu, sendu kaj mendu de la L.K.K. en Rahovo a-D-Bulgario.

## Skota

La 29-a kongreso en Leven estis unu el la plej sukcesplenaj kiujn aranĝis la Skota Federacio Esperantista de post sia fondiĝo en 1905. Du urbestroj kaj magistratoj bonvenigis la kongresanojn. Krom la subteno de la urbaj aŭtoritatuloj la kongreso ricevis la patronadon de la plej gravaj edukaj aŭtoritatuloj en la regiono. El la multaj laŭprogramaj aranĝoj ni menciu nur : viziton al nova fabrikejo (emajlitaj metalaj produktaĵoj) antaŭ nelonge instalita de mondfama kompanio ; viziton al kuniglejo, kie oni grandskale provizas peltojn por uzo kiel vest-garnaĵoj. Partio da gekuraĝuloj malsupreniris en la profundaĵon de fama karbminejo de la regiono. Aŭtomobila ekskurso tra la orienta parto de Fife multe plaĉis al partoprenintoj.

En la « Foreman »-preĝejo okazis diservo kun prediko — laŭlingve perfekta kaj kun profunda emocio — de konata samideano pastro J. A. Lees, M.A. el Newport. Plej multan plezuron idealan donis la kantado de virvoĉa ĥoro instruita de S-ro Izatt, jam bone konata per radio-dissendaĵoj.

## Norvega

En Oslo okazis la ĝenerala kunveno de Norvega Esperantista Ligo (N.E.L.), kiu ĉefe okupiĝis pri la propono de novaj leĝoj, ellaboritaj de la leĝkomitato elektita en la antaŭa ĝeneralkunveno kaj kiuj estas akceptitaj post longa diskuto kun kelkaj ŝanĝoj. Novelektitaj estas kiel prezidanto S-ro Einar Stjernesund kaj kiel vicprezidantino f-ino Liv Sandberg. Fine la kunveno aliĝis al japana rezulocio por « vere internacia Esperanto » kun aldona atentigo pri la netuŝebleco de la « Fundamento ». Post la kunveno estis agrabla kunesto en la restoracio de Ekeberg.

## Svisa

La Svisa jarkunveno okazis en Bern, 22-an de Aprilo. Interkonatiĝa vespero en Hotel National, kun germanlingva parolado de Ed. Stettler, esp. parolado de D-ro W. Perrenoud. Teatraĵo « Milionheredaĵo » bone prezentita de la grupmembroj de Bern. Dancado. Surprizo estis la bela kongresinsigno donacita de la Delegito kaj Vicdelegitino de UEA al la partoprenintoj de la svisa kunveno. — Kutima jarraporto, akceptita kun danko. Reelekto de la grupo en Sankt Gallen kiel ĉefgrupo kun sama estraro por 1934-35. Ekzamenoj : Bonege sukcesis kun diplomo supera, 14 jara knabo Vladimir Bagotzky el Bern kaj F-ino Anahide Nercessian el Genève.

---

# Interkonatigaj vesperoj

La celo de Esperanto estas faciligi la intergentajn rilatojn, ĉu en difinita ŝtato kun aro da malsamaj lingvoj ĉu de unu lando al alia. Tiurilate Esperanto estas peradilo aŭ peranto. Ekzistas ankoraŭ aliaj eblecoj, konstrui ponton de unu nacio al alia. Pri tia ebleco servu jenaj ekzemploj : Antaŭ jaroj la Esperantistoj en Praha organizis *Japanan Vesperon* kun deklamaĵoj el japana literaturo en Esperanto, elmontro de japanaĵoj k.t.p. Al tiu ĉi vespero oni invitis la japanan ambasadoron kaj japanojn loĝantajn en la urbo. Kiam oni scias, kiom grave estas por fremduloj trovi kontakton kun la popolo tiu scias, kiom valorega povas esti tia aranĝo. Kaj je du flankoj. Por la koncerna lando kaj nia propagando por Esperanto tie kaj aliflanke pro la impreso kaŭzata en la loko mem. Kaj estus bone, se tian vesperon oni provu aliloke laŭ la ekzemploj nunaj en Varsovio, kie antaŭ nelonge okazis Sveda vespero ĉe kiu partoprenis diplomataj funkciuloj. Kaj laste okazis Viena Vespero en urbo Lwow (Lemberg) en Polujo. El detala raporto ne represebla centprocente ni citu kio okazis : Kanto, deklamado, orkestro kaj mallonga prelego kun lumbildoj.

Simfonia orkestro sub direkto de profesoro K. Abatowski ludis muzikaĵojn de Suppé, Strauss, Schrammel kun vervo, multe aplaŭdita. La drama artisto D-ro Teodoro Akrunski deklamis majstre poemojn, prelegis leteron de pola Reĝo Jan Sobieski al sia edzino Mariŝienka kaj laŭtlegis legendon pri la deveno de la Ŝtefana Turo de Vieno (laŭ Viena radioparolado de S-ino Ch. Siedl, Vieno). Multaplaŭdita estis la Viena Delegitino de Esperanto-societoj, F-ino Minuŝka Mantel, kiu en ĉarma maniero klarigis lumbildojn pri belega Wien kaj ĉirkaŭaĵo, ĉefe en Viena dialekto parolante.

S-ro Josef Finkler ĉarmis per belaj Schubert-kantoj. La plej brila punkto de la abunda programo estis la ĉarmega 19-jara Viena operkantistino Mia Händel, kiu temperamente kantis en Viena dialekto.

La multnombra ĉeestantaro, inter ili la Aŭstria konsulo S-ro Vorner kaj la prezidanto de la urbo Lwow, ĉefdirektoro de Polskie Radjo S-ro inĝ. Witold Scazighino, krome multaj aliaj eminentuloj, vigle aklamis ĉiujn partoprenantojn, kiuj bele prezentis *Vienon, la urbo ĉe la blua Danubo.*

# Bildpaĝo Esperantista

## Viena Vespero per Esperanto en Lwów

organizita de lokaj esperantistoj sub gvido de S-ro Schnützer (sidante, dekstre) — En la mezo (sidante) F-ino Mia Händel, viena operkantistino, kaj F-ino Minuŝka Mantel, la energia instigantino de la vespero.



Malgrandigita paĝo de kovrilo de luksa prospekto en Esperanto.




NORDDEUTSCHER LLOYD BREMEN



LÉOPOLD III,
reĝo de la Belgoj, Honora prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.

Reproduktajo de granda kolora afiŝo.



# Cseh-kursoj

### Francujo

El Rouen venis entuziasmoplena raporto kies represo postulus unu paĝon de tiu ĉi revuo. Evidentiĝas, ke la veno de Sinjoro Glück kaŭzis esperantistan febron en tiu ĉi urbo. Kutima publika kunveno sub prezido de S-ro Richard, urb-subestro kaj profesoro en la Scienca Lernejo. Enkondukis S-ron Glück, la prezidanto de la grupo, Sinjoro Jouis kaj tiam ekkomencis la entuziasmo. Sinjoro Glück alportas la feliĉon. Afable, lerte, impresige, altire li parolas, kaj liaj vortoj estas kronataj : Ducent personoj partoprenas la unuan lecionon kaj finis la kurson pli ol cent. Fina kunveno kortuŝa. Je la 4a de Majo, esperantista manifestacio en granda salono de la urbo-domo. S-ro Glück parolis pri sia deven-urbo Praha kun belegaj lumbildoj, akompanata ĉio de ĉeĥa muziko klasika. Kaj fine okazis la Normanda kongreso Esperantista, kie regis grandega entuziasmo, ĝojo pro la sukceso kaj fido en la estonto de nia afero.

(Resumis : Alobrogo).

*Elbeuf* (Seine-Inférieure):

Vendredon, la 20an de Aprilo, en la festsalono de la urbdomo, la Popola Universitato organizis « *Esperantan Vesperon* ». Ĉeestis ĉ. 200 personoj, inter kiuj S-ro R. Lebret, urbestro kaj parlementano. Unue, S-ro Jouis, Prezidanto de l'Normanda Federacio, parolis pri la nuna disvastiĝo de Esperanto ; poste, Prof. Julius Glück faris provlecionon de Esperanto laŭ la Ĉe-metodo. Grandegaj estis la sukceso kaj la entuziasmo vekita ĉe la aŭskultantaro. S-ro Karman, Prezidanto de l'Popola Universitato tre dankis al la paroladintoj kaj substrekis per trafaj energiaj vortoj la gravan rolon de Esperanto.

Du tagojn poste, dimanĉon la 22-an, la Esperantista Grupo, en la kunvenejo de la Industriista Asocio, akceptis Profesoron Glück. Laŭvice, S-ro M. Lefevre, la gvidinto de la antaŭmilita propagando en Elbeuf, kaj S-ro Saget, — de la postmilita — salutis, gratulis kaj dankis la sindoneman Profesoron, kies lastvendreda provleciono tiom helpos al la progreso de l'movado. Poste, Prof. Julius Glück ekstaris kaj rakontis emociige kelkajn rememorojn el la malnova tempo ; larmoj brilis en kelkaj okulanguloj... Prof. Glück parolis pri la majstro kaj lia edzino...

Sed tro rapide venis la horo de l'disiĝo ; ĉiuj esprimis la deziron ke Prof. Glück revenu baldaŭ al Elbeuf por gvidi kurson.

La Grupo pristudas serioze la efektivigon de tiu deziro.

### Internaciaj Feriaj Kursoj

Kurso por progresintoj 23/7-2/8 1934.

Prepara kurso por Ĉe-metodaj instruistoj 23/7-2/8 1934.

*Silkeborg* (12 000 loĝ.) situas en la koro de Danlando. Ĝia regiono estas la plej bela. Grandaj verdaj fag-arbaroj kaj bluaj lagoj ornamas ĝin. En tiu ĉarma urbo Dana Esp-Instituto jam plurajn jarojn kun granda sukceso aranĝis siajn internaciajn kursojn, kiujn partoprenis samideanoj el tre multaj diversaj landoj. Pro la tre malalta dana monkurzo en la nuna tempo estas la kursoj tre malmulte-kostaj por eksterlandanoj. Plena pensiono (loĝo kaj manĝo) por dek tagoj kaj kurskotizo estos por ĉiu kurso nur 45.— dan. Kr. (= 26.— Rmk. = 39 sved. Kr. = 40.— norv. Kr. = 15.— nederl. guld. = 2 £ = 150.— fr. fr. ktp).

La kursoj okazos en la oficiala dana Esp-lernejo « Kornmod », Silkeborg. Preskaŭ ĉiuj ĉambroj estas unulitaj. La manĝaĵo estos bonega.

*La kurson por progresintoj* povos partopreni ĉiuj, kiuj lernis Esp'on per elementa kurso, kaj kiuj deziras pliperfektiĝi kaj akiri parolekzercon. Ĝin gvidas la eminenta Ĉe-metoda instruistino F-ino M. Saxl, Berlin, kaj s-roj P. Frey kaj L. Friis. Instrufakoj : Konversacio, literaturo, historio kaj gramatiko. — Instrulingvo : Esperanto. — Instrumetodoj : Konversacio kaj prelegoj.

*La preparan kurson por Ĉe-metodaj instruistoj* povos partopreni ĉiuj, kiuj deziras instrui Esp'on per Ĉe-metodo. La ĉeffakon — teorion kaj praktikon de Ĉe-metodo — gvidos F-ino M. Saxl, speciale komisiita de S-ro Andreo Cseh. Por ke la kursgvidontoj estu kiel eble plej bone informitaj en sia agado, prelegos antaŭ ili pri nia originala literaturo S-ro P. Frey, pri lingvaj studoj s-ro L. Friis, pri Esp-historio F-ino M. Noll, pri propagandmanieroj S-ro Ax. Andersen.

Belega tendejo ĉe arbaro kaj lago troviĝas tuj ekster Silkeborg por tiuj, kiuj deziras loĝi malmultekoste dum la kurstempo.

Al Universala Esp-Kongreso en Stockholm oni povos iri rekte el Silkeborg post la kursfino per la karavano de la dana ĉefdelegito S-ro M. Palsberg.

Petu prospekton pri la kursoj de la sekretario de Dana Esp. Instituto.

S-ro L. Friis, Frodesvej 21, Aabyhoj, Danlando.



# En kelkaj linioj



*** Dum la granda Internacia Ekspozicio por Komerco kaj Industrio, de 28 Junio ĝis 31 Julio 1934, en Tilburgo, Nederlando, la loka Klubo Esperantista « Amo kaj Paco », organizis Esperanto-standon kun Informoficejo.

Firmoj, Unuiĝoj, k.t.p., kiuj havas ion taŭgan por ekspozicii, aŭ volas enpresigi anoncojn en la disdonota propagandlibreto, sin turnu al la sekretariejo de « *Amo kaj Paco* » *Bred. Weg.* 241, *Tilburgo*. La 8-an de Julio estos speciala Esperanto-tago, al kiu ĉiuj Ge-esperantistoj estas invitataj.

La Estraro de la Internacia Ekspozicio « Stad Tilburg 1934 » ankaŭ korespondas en Esperanto.

*** Esperantistaj Jurnalistoj dezirantaj partopreni fondotan societon fakan anoncu sin ĉe : Karlo Zdiarsky, Česká 29, en Čes. Budejovice (Ĉeĥoslovakio).

*** La estona gazeto *Turismi Teataja* enhavas regulan rubrikon en Esperanto, tutpaĝan.

*** La budapesta entrepreno « Falu Urániája » senpage disponigas al UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO diapozitiv-lumbildseriojn sur filmrubando (normala kino-grandeco, sed ne movantaj bildoj) pri Budapest, la Lago Balaton, stepo Hortobágy, banejo Balatonfüred, hungaraj urboj Eger k.a. por montri en esperantistaj grupoj. Oni povas ilin prunte peti kontraŭ sendo de 3 respondkuponoj por registrita sendkosto en alumetskatolo. Turnu vin al ĉefdel. Paŭlo Balkányi, Budapest 507. (Aldonu resp. k.).

*** Lastatempe diversaj naciaj Komitatoj de Normigo interesiĝis pozitive por la aplikado de Esperanto en tiu-ĉi kampo. Grava entrepreno estas jus komencita kaj subteno ege necesa. Esperantistojfakuloj kaj interesitoj pri normigo bonvolu, por samcela kunagado, tuj interrilati kun la UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, (Sekcio de Eksteraj Aferoj), 11 rue du Mont-Blanc, Genève (Svislando).

*** Praktike aplikante la lingvon Esperanto, pli ol 200 esperantistoj kaj artamikoj el 30 landoj, komencis krei dum la 23a kongreso « Ekspozicion de l'Monda Pentro-Arto » en formo de koloraj presbildojreproduktaĵoj, laŭ plej famaj muzeaj originaloj. — Tiu ĉi galerio celas montri al junularo kaj publiko la historion de la pentro-skoloj kaj samtempe montri Esperanton kiel helpilon. La Ekspozicion oni malfermis en polaj urboj, Kraków, Lublin kaj Dombrowa. De la 16-a ĝis la 22-a de Majo en Sosnowice, sub gvido de la Ligo de profesiaj artistoj-plastikistoj el Krakovo kaj simila Ligo « Blok » en Sosnowice, kun afabla helpo de l'estraro de ŝtata lernejo distrikta.

*** Serio de 10 kartoj en poŝtkarta formato. Prezo sved. kr. 1.50. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm 1. Svedujo.

La kartoj estas bele presitaj en koloroj laŭ arte pentritaj originaloj kaj prezentas kolekton de la provincaj kostumoj de Svedlando. Precipe la partoprenontojn de la XXVI-a kongreso interesos tiuj kartoj.

*** Personoj, maristoj ĉiagradajn kaj ĉiafakaj, kiuj interesiĝas pri kreota Marista Ligo Esperantista (tia jam ekzistis) bonvolu kontaktiĝi kun S-ro G. Guesdon, kapitano en la servo de la Suez Kanalo, Delegito de UEA en Ismailia, rue Negrelli prolongée.

*** S-ro Maximilian Villareal, Direktoro de Publikeca fako sukcesis enkonduki en la kapitolon (kunvenejo) de la usona deputitaro, la kongreso, klason de Esperanto por la paĝioj, la sekretarioj kaj la stenografiistoj de la kongresanoj (deputitoj) — H. B. H. Cliftondale.

# Universala Esperanto - Asocio



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

Centra Oficejo :

1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

26-a Administra jaro 1934 :

N-ro 6 — Junio 1934

Bankkonto:

Société de Banque Suisse

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Voĉdono de la Delegitoj.* — La fina punkto en la nova organizo estas la voĉdono de la Delegitoj de UEA — pri la nova statuto —. Jen la protokolo pri la rezultato :

*La subskribintoj, Membroj de UEA en Ĝenevo, estis invititaj de la Direktoro kontroli la voĉdonon pri la nova statuto de UEA. Ili kunvenis la unuan de Majo 1934 en la Centra Oficejo, je la tria horo ptm. Post enkonduka parolo de la Direktoro pri la procedo, ili konstatis laŭ ordaj dokumentoj, ke estis forsenditaj 2156 kovertoj al Delegitoj de UEA. El ili 1811 estis Delegitoj kun voĉdonrajto, inkluzive komitatanoj kaj ĉefdelegitoj. Malferminte sigelitan keston oni kalkulis 727 kovertojn. Tiuj 727 kovertoj enhavis 740 voĉdonilojn. El ili 730 kun Jes kaj 10 kun Ne.*

| | | |
|---|---|---|
| *S-ino Oumansky.* | *Jos. Reisinger.* | *S-ino Jorin.* |
| *Ano* 13494 | *Ano* 15000 | *Ano* 42043 |

*Ĉeestantoj:* Hans Jakob, Direktoro. Alf. Rehmann, oficisto.

---

**UEA EN ITALUJO. — Societa leĝo malpermesas al italoj, loĝantaj en Italujo, la partoprenon al internaciaj societoj. Pro tio UEA antaŭ jaroj haltigis la akcepton de aliĝoj, por ne kaŭzi malhelpon al iu ajn. Pasintjare dum Majo, UEA sendis memorandumon al la Itala Registaro, detale montrante la tutan situacion, principojn, organizon, servadon, kaj sintenon de UEA. Ni estas feliĉaj informi nian membraron, kaj speciale niajn amikojn en Italujo pri jena respondo de la registaro je nia peto, permesi la agadon de UEA kaj la starigon de Delegitoj, kies taskojn ni precizigis en la memorandumo. Jen la konfirmo de buŝa komuniko al la Direktoro de UEA : (Letero de la 5a de Junio 1934, n-ro 1984).**

**Sekve de nia konversacio de la 4-a, mi havas la avantaĝon komuniki al vi, ke la Reĝa Ministerio de l' Interno bonvolis doni la 28an de Februaro lasta, sian propran konsenton, ke la Universala Esperanto Asociô, kun sidejo en Genève, havu reprezentantojn en Italujo. Bonvolu akcepti Sinjoro Direktoro miajn plej bonajn salutojn.**

**Subskribo : Spechel**
**Ĝeneralkonsulo.**

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston de la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi la Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto; Dua Serio;*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk. sv. | 17.700.— |
| 60. D-ro P. W. Meihuizen, Arnhem, Nederlando | | 300.— |
| | Frk. sv. | 18.000.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Frankojn svisajn. Oni povas pagi en partoj, dum daŭro de tri jaroj. La atesto de la G. K. de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva abono al *Esperanto* kaj rajtigas ricevi ĉiujn dokumentojn fiksitajn laŭ la statuto aŭ laŭ decido de la Komitato.

*Modela varbado.* — Pruvo, ke eĉ en tiu ĉi mizera tempo bela sukceso estas atingebla per volo kaj fervoro, montras la stato de la membraro de UEA en frisa urbo Leeuwarden (Nederlando). Nome UEA kalkulas en tiu ĉi urbo kun 50.000 loĝantoj : 48 Aktivaj anoj, (Membroj kun jarlibro, Membro-Abonantoj kaj Subtenantoj) Krom tio la Delegito varbis 5 eksterurbajn anojn, proponis tri kandidatojn al la delegiteco, varbis anoncon por la Jarlibro kaj klopodis, ke la grupo pagu mencion en la Jarlibro.

Al Sinjoro P. Hendriks, la Delegito, ni esprimas tie ĉi nian sinceran dankon, kun la pia deziro, ke lia laboro servu kiel ekzemplo por aliaj.

*Novaj teritorioj.* — Laŭ diversaj proponoj, ekzamenitaj de la Direktoro, la Prezidanto akceptis formadon de nova teritorio, Greklando kaj nomis ĉefdelegiton.

S-ron Stavros Patsuris, Delegito en Ateno.

Pro demeto de la tasko de Ĉefdelegitino, flanke de Sinjorino Janitzki en Kaunas, Litovujo, la posteno vakas. Deklaris sin preta plenumi la taskon S-ro Liudas Alseika, en Kedainiai, kion la Prezidanto akceptis.

Ni salutas la du novajn ĉefdelegitojn kun deziro je bona kunlaboro enka kaj kontentiga por ambaŭ.

*Subtenantoj.* — La jenaj samideanoj bonvolis aliĝi kiel subtenantoj:

### Sesa listo

176. S-ro William W. Carpenter, Escondido, Usono.
177. S-ro John C. Bley, Chicago, Usono.
178. D-ro Joseph S. Gianfranceschi, Buffalo, Usono.
179. S-ro F.A. Hamann, Wauwatosa, Usono.
180. S-ro Delattre, Paris, Franclando.
181. S-ro Pierre Beau, Mâcon, Franclando.
182. S-ro Auguste Martin, Mâcon, Franclando.
183. S-ro Léon Beaumel, Toulouse, Franclando.
184. S-ro Dru, St. Gratien, Franclando.
185. S-ro Carlos Henrique, Lisboa, Portugalo.
186. S-ro R. Jenny, Solothurn, Svislando.
187. S-ro Fidèle Nigg, Gersau, Svislando.
188. S-ro Honoratus Bonnevie, Oslo, Norvegujo.
189. F-ino Elmi Tamminen, Helsinki, Finlando.
190. S-ino Aini Setälä, Helsinki, Finlando.
191. S-ro Vilho Setälä, Helsinki, Finlando.
192. F-ino Françoise Mourgiart, Bordeaux, Franclando.
193. S-ro F. Archer, Hobart, Australio.
194. S-ro E.C. Mawbey, Johannesburg, Sudafriko.
195. S-ro C.M. Hamaker Sr., Hilversum, Nederlando.
196. S-ro L.J. Th. Kamman, Amsterdam, Nederlando.
197. S-ro J.M. Bakker, Groningen, Nederlando.
198. S-ro D-ro Arnoldus Kijlstra, Soestdijk, Nederlando.
199. F-ino D. Meeter, Soest, Nederlando.
200. Esperantista Grupo, Zeist, Nederlando.
201. S-ro P. Groenhart, Bilthoven, Nederlando.
202. S-ino G. Nanta-Schuurig, Witmarsum, Nederlando.
203. Frisa Esperantista Rondo, Leeuwarden, Nederlando.
204. S-ino T. Beekhuis, Sijbrandaburen, Nederlando.
205. S-ro F.I. Buenting, Amsterdam, Nederlando.
206. S-ro N. Moesgard, Sonderborg, Danujo.
207. S-ro Carl Pedersen, Aalborg, Danujo.
208. S-ro Poul Möller, Grenaa, Danujo.
209. S-ro Eugenio Iglesias, Buenos Aires, Argentino.
210. S-ro Hipolito Luengo, Orensa, Hispanujo.
211. S-ro Ignas Kilĉaukas, Ŝilava, Litovujo.
212. S-ro A. Fer. da Silva, Lobito, Afriko.
213. F-ino Frida Petri, Dresden, Germanujo.
214. S-ro Otto Apelt, Frankfurt-a.-Oder, Germanujo.
215. Esperanto Grupo Heilbronn, Heilbronn, Germanujo.
216. S-ro Julius Unkel, Mannheim, Germanujo.
217. S-ro Abel Prieur, Ussel, Franclando.
218. S-ro W.H. de Jonge, Poerwokerto, Javo.
219. S-ro Kristo Bruklis, Alŝvangu, Latvio.
220. S-ino Elizabete Ziedins, Riga, Latvio.
221. S-ro Krisjanis Strazds, Jelgava, Latvio.
222. S-ro W.C. Wilson, Birmingham, Britlando.
223. S-ro F.W.H. Muller, Pamekasan, Ned. Indio.
224. S-ino Tissot-Martin, Basel, Svislando.
225. S-ino Victoria G. de Corral, Buenos Aires.

*Forstreko pro nepago.* — Delegito de UEA devas esti Aktiva Membro de la Asocio, prefere Membro-Abonanto. Ĉiujare, nombro da Delegitoj ne realiĝas, ĉu pro manko de mono, ĉu pro perdo de intereso. Post kelkfoja admono, la administrado definitive forstrekos la lokojn el registro kaj komunikas tion en la revuo. Jen la listo de la lokoj el Jarlibro 1933, malaperantaj en la Jarlibro 1934 :

*Alĝerio;* Constantine (1); *Argentino;* Marcos Juares (1);

*Aŭstralio;* Altheim, Bisamberg, Dürnstein, Hallein, Mattighofen, Pögstall, Semriach, Silz, Stams, Sankt Pölten, Steyr, Walchsee (12).

*Belgujo;* Jeper, Kessel (2). — *Brazilo;* Florianopolis, Miracema, Olidan, Porto Alegre, San Bonifacio, Uba (6).

*Bulgarujo;* Jasa-Koria, Karlovo, Pestera, Sliven, Stanimaka, Svistov, Trojan, Turski Trastenik, Vidin (9). — *Britujo;* Maidstone. (1)

*Ĉeĥoslovakio;* Bensen, Christophsgrund, Ĉadca, Fryŝtât, Hillemühl, Jeschken, Klein-Schokau, Kónska, Kostelec n.o., Neu-Langenau, Preschen b. Bilin, Trebovice, Uvaly, Velky-Bor, Zampach (15).

*Danlando;* Valby (1). — *Estonio;* Nõmme, Pankjavistsa, Tõrva (3).

*Finnlando;* Oulunkylä, Sääksjärvi, Tornio, Vainikkila (4).

*Francujo;* Auxonne, Benfeld, Brétigny, Champigny-sur-Marne, Tarascon, Peychagnard, Saint-Ouen, Saint-Quentin (8).

*Germanujo;* Durlach, Gleiwitz, Gottleuba, Hohenleimbach, Kolberg, Lengenfeld i.V., Ludwigshafen a. Rh., Mayen, Meerane, Münster, Niesky, Ratibor, Rauschwitz, Rothenburg, Schmiedeberg, Seifhennersdorf, Siegen, Strausberg, Striegau, Tilsit, Uelzen, Vechta, Weissenberg, Weissenmoor, Wilhelmshafen (25).

*Greklando;* Joanina, Seres (2). — *Havajo;* Kahului (1).

*Hindujo;* Calcutta (1). — *Hispanujo;* Aviles, Baracaldo, Chirivella, Huesca, Oviedo, Penarroya-Pueblonuevo, Sóller (7).

*Honduraso;* Olanchita, Tela (2).

*Hungarlando;* Budafok, Kiskunhalas, Mezőhegyes, Mor (4).

*Irlando;* Belfast (1). — *Japanujo;* Jokkaichi, Kanazaua, Nagoya, Niigata, Yagami (5).

*Jugoslavio;* Negotin, Pirot, Skoplje, Ŝid (4).

*Kanado;* Wingham (1). — *Latvio;* Kandava, Rezekne (2).

*Litovio;* Dotnava (1). — *Madeiro;* Funchal, Ponta Degada, Sao Jorge (3). — *Maroko;* Port-Lyautey, Oudjda (2).

*Nederlando;* Drieborg, Sas van Gent, Tilburg (3).

*Norvegujo;* Drammen, Kristiansand, Lillehammer (3).

*Saar;* Saarbrücken (1). — *Sirio;* Damas (1).

*Polujo;* Leszno, Myslowice, Plock, Przemysl, Rozdzien-Szopienice, Siemianowice, Sosnowice, Wisnicz, Wlodzimierz (9).

*Rumanujo;* Cimislia, Dej, Gherla, Jimbolia, Mangalia, Ploeŝti, (6).

*Svedujo;* Karlstad, Lulea, Ortofta, Prässebo, Sandviken (5).

*Svislando;* Rorschach (1). — *Tanganjiko;* Dodoma (1).

*Urugvajo;* Fray Bentos, Pando, San José (3).

*Usono;* Ann Arbor, Clinton, Columbus, Euclid Village, Framingham, Madison, Montpelier, Oklahoma City, Ozone Park, San José, Saint Petersburg, Trafelo, Waka, Youngston (14).

Tio estas kune 165 lokoj. La Jarlibro 1933 indikis Delegitojn en 2.015 lokoj. La forstreko pro nepago do estus 8 %, en antaŭaj jaroj inter 6-7, do ankoraŭ ne tro alte. Estas esperinde, ke el tiuj forstrekitaj lokoj, forstreko ofte nur dumtempa, notinda aro da Delegitoj revenos al UEA.

*Statistiko de la Delegitoj;*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Aprilo 1934 .................. | 2.177 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo .............. | —165 |
| Stato je la 15 Majo 1934 .................. | 2.012 lokoj |

Genève, 31 Majo 1934. Hans Jakob, Direktoro de UEA.

## Esperantista vivo

### Edziĝo

F-ino Margareto Janicsák, membro de la Esperantista Pedagogia Societo de Budapesto kun S-ro Karlo de Szabó, polica directoro en a sama urbo.

# Bibliografia Servo de UEA

### Novaj libroj 1933

O. Tarĥanov : Rifa liberiga milito. 32 Paĝoj. Formato 10,5 × 14 cm. Eldonis Ekrelo, Leipzig. Prezo : rub. 0,20. (1933-90).

A. Ĉerniĥ : Rekordo. 24 Paĝoj. Formato 15 × 21 cm. Eldonis Ekrelo, Leipzig. Prezo : rub. 0,55. (1933-91).

V. Varankin : Metropoliteno. Paĝoj 200. Formato 15 × 22 cm. Eldonis Ekrelo, Amsterdam. (1933-92).

D. Furmanov : Ĉapajev. Paĝoj 216. Formato 15 × 22 cm. Eldonis Ekrelo, Leipzig. Prezo : rub. 4.—. (1933-93).

O. Forst de Battaglia : La mistero de l'sango. Kun 19 tutpaĝaj ilustrajoj. El germana lingvo tradukita de Teo Jung. Presis kaj eldonis Heroldo de Esperanto, Köln. 156 paĝoj. 10,5 × 14 cm. Prezo : broŝ. gmk. 2.50, bind. gmk. 3.50 plus afranko. (1933-94).

Fred A. Hamann : Internacia Steno-Pazigrafio. Fundamento de ISPO-grafio. 80 paĝoj. 11 × 15,5 cm. Ispo-serio N-ro 1. Ispo-Eldonejo, Wauwatosa-Milwaukee, Wis., Usono. (1933-95).

Frits-Lindén : Kurs i Esperanto. Tria eldono. Serio Rapida Venko. 84 paĝoj. 12.5 × 19.5 cm. Sveda lernolibro för självstudier och studiecirklar. Prezo : 90 Centimoj svisaj. (1933-96).

Petro Danov : La nova Evo. Eldonejo « Nova Kulturo », Sevleivo, Bulgario. 87 paĝoj. 15 × 22 cm. Prezo : 1.50 sv. fr. (1933-97).

### Novaj libroj 1934

Stjepan Miŝak : Esperanto, kursa lernolibreto por memlernantoj. Presis kaj eldonis la aŭtoro. 180 paĝoj. 8 × 10 cm. Prezo : 2 respond kuponoj. (1934-11).

Jakob Rosenberg : Internacia Frazludo. Eldono de la aŭtoro. 62 kartoj. 9 × 13 cm. Prezo : fr. sv. 1.—. (1934-12).

William George Adams : Piramo kaj Tizbeo. Burleska tragedio. Presita kaj eldonita de Presejo Esperantista de Seattle, Wash. Usono. 16 paĝoj. 11,5 × 17,5 cm. Prezo : 10 cendoj aŭ 2 respond-kuponoj. (1934-13).

*** La Profeto. Paĝoj el la Hungara laboristtendenca belliteraturo. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. 31 paĝoj. 11,5 × 15 c 15 cm. Prezo : fr. fr. 2.—. (1934-14).

Jaroslavo Haŝek : La travivaĵoj de la brava soldato Ŝvejk dum la mondmilito. Traduko de Josefo Ŝtadler. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. 144 paĝoj. Formato 13,5 × 18,5 cm. Prezo : fr. fr. 12,50. (1934-15).

D-ro S. Chazan : Socialismo ĝia ideologio kaj realiĝo. Eldonis N. Szapiro, Warszawa. 47 paĝoj. Formato 14 × 19,5 cm. (1934-16).

Hans Weinhengst : Tur-strato 4. Originala romano. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 172 paĝa, kun dukolora kovrilo. Formato 20 × 13,5. Prezo : broŝurita sv. fr. 3.50, bindita sv. fr. 5.—. (1934-17).

Frederiko Karinthy : Vojaĝo en Faremidon kaj du ŝipoj. Noveloj, el la hungara tradukitaj de L. Totsche. Eldonis Literaturo Mondo, Budapest. 84 paĝoj. Formato 20 × 13,5 cm. Prezo : sv. fr. 1.20. (1934-18).

Eugeno Aisberg : Fine mi komprenas la Radion ! Babiladoj pri la radio, originale verkita en Esperanto kaj tradukita en 13 lingvojn. Kun 245 klarigaj kaj amuzaj bildoj. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 144 paĝa sur senligna papero kaj dukolora kovrilo. Formato 23,5 × 15,5 cm. Prezo : broŝurita sv. fr. 1.50, bindita sv. fr. 6.—. (1934-19).

*** Lexicon. Kartludo. Eldonis Brita Esperantista Asocio, London. 52 kartoj kun regularo. Formato 7 × 10 cm. Prezo : 2 ŝ 6 p. (1934-20).

## Hindujo

Tre malofte oni legas ion pri Esperanto en Hindujo. Provoj faritaj interesigi indiĝenojn al nia lingvo parte ne sukcesis pro manko de lernilo en ĉefa lingvo parolata en tiu vasta landaro. Jen ni enpresas ĝojigan informon :

Post la Esperanto-kurso gvidata de S-ro A. Paŝkevičius, litova esperantisto, fondiĝis Bengala Esperanto-Ligo. Prezidanto S-ro D. Dutt, sekretario S-ro N. K. Mitra. Dum la kurso retroviĝis malnovaj samideanoj en Kalkutta inter ili S-roj P. Shose, O. Smith kaj Sajed Ali.

S-ro Sajed Ali finas preparon de Esperanto ŝlosilo en Urdu (Hidustani) kaj S-ro Dutt komencis traduki tian por Bengala kaj Hinda lingvoj. Kunvenoj de la Bengala Esperanto Ligo okazos ĉiu lunde je 6.30 ptm., Adreso : 86 College Street, Calcutta.

# Reklama Servo de UEA

### Foiro de Rio de Janeiro

Al malmultaj estas konata, ke en Suda Ameriko ekzistas granda foiro, organizita laŭ metodoj eŭropaj. Estas Rio de Janeiro, la brila ĉefurbo brazila, kiu posedas tiun esprimilon de industria kapablo kaj komerca ebleco. Informas pri ĝi belega prospekto, eldonita en franca, hispana, itala, portugala, angla, germana lingvoj. Kaj nun aperis eldono en Esperanto. Kovrilo kolorgaja kun fotomuntaĵo el diversaj bildoj de la foira tereno supozigas belan presaĵon. Kaj efektive ĝi estas bela ! Etendita prospekto montras en roza koloro, la foiran terenon kun klarigo, ĉio ĉirkaŭitan de bildoj el la ĉefurbo (44 cm alta, 64 cm. larĝa, 34 bildoj). La teksto en klara kaj simpla lingvo donas ĉiujn interesajn sciindaĵojn pri la Specimena Foiro, necesa por ĉiu kiu deziras komerce kontaktiĝi kun ĝi. La foiro daŭras de 12 Aŭgusto ĝis 15 Septembro 1934. *Ekzempleron oni petu rekte de;* Feira International de Amostras, Rio de Janeiro, Brazilo.

# Turisma Servo de UEA

### Debrecen-Fürdö

Debrecen estas *la* hungara urbo, tipa pro multaj karakterizaĵoj. Banloko (Fürdö signifas bano) tute moderna, la urbo estas dotita de universitato kaj de multaj faklernejoj. Ĝi troviĝas meze de l' Hortobágy ebenaĵo, kio ĝuste karakterizas tiun urbon. Debrecen estas la centro de l' kalvina protestantismo en Hungarlando ; rimarkinde estas ke ĝi enhavas pli da kalvin'anoj ol nuna Ĝenevo! Bela kolegio kalvina kaj riĉega biblioteko ; neforgesinde la plej tipan : Muzeo Déri kun sekcio de hungaraj laboraĵoj.

Informas pri tiu-ĉi urbo faldprospekto eldonita de l' Urba Oficejo Trafika. Alta 21 cm, etendita 90 cm, 18 bildoj, urboplano. De 2-10 Junio okazas Debrecena Semajno kaj je la 2-3a Landa Kongreso Esperantista.

### Danlando

La falo de l' nordaj monoj kaj kun ĝi interna moderigo de prezoj direktigas fluon de turistoj al Skandinavaj landoj. Gvidfolio ĵus ricevita atentigas pri tiu ĉi fakto de malkareco : Danlando, dumtempe la plej malkara turistlando montras la titolo. Malsame al similaj eldonaĵoj, tiu ĉi indikas tuj fareblajn-farindajn ekskursojn : 3 tagan al Kopenhago, 7 tagan tra Danlando, 3 tagan al Bornholm por 65, 205-225 kaj 102 kronoj respektive. Ĉio komprenita.

La presaĵo en korekta lingvo, presita en Rotogravuro havas dudekon da tipaj bildoj. Eldonis ĝin Turistforeningen for Danmark, Vestre Boulevard 18, Kopenhago, ĉe kiu oni petu ekzempleron.

# Liechtenstein

Dank'al la klopodo de la Direktoro de Eksteraj Aferoj de UEA, sinjoro Rob. Kreuz, speciala komisaro de la registaro de Liĥtenstejno, la Turisma Unuiĝo de Liĥtenstejno aperigis kiel 3-an eldonaĵon sub la aŭspicioj de UEA Turisma Servo 10 paĝan (po 13 × 22,5 cm) ilustritan fald-prospekton. Ĝi estas la prototipo de reklamilo turisma de l'estonteco. La teksto estas redaktita en angla, franca kaj itala lingvoj por la teritorioj, kiuj unuavice interesas la eldoninton. Por la ceteraj landoj teksto en Esperanto estas aldonita. La prospekto donas telegramstile la ĉefajn indikojn sciindajn. 20 belaj bildoj kompletigas la klarigojn. Ekzemplero estos sendata al ĉiuj delegitoj de UEA, fine de Junio, kun la oficiala bulteno.

De post pluraj jaroj Esperanto estas praktike aplikata en la nomita lando. Ju pli frue elĉerpiĝos la nuna eldono, des pli rapide estos atendebla nova reklamilo laŭprincipe jam akceptita propono. Oni tuj direktu peton pri alsendo de unu aŭ pluraj ekzempleroj per simpla karto aŭ letero taŭgaforme skribitaj, al: *Liechtensteinischer Verkehrsverein, Vaduz (Liĥtenstejno).* Montru la grandan intereson de la esperantistaro pri tiuj eldonaĵoj per multnombraj skribaĵoj.

Se alvenos sufiĉe da petoj, eldonoj en Esperanto pri aliaj lokoj povos esti atingataj. Por helpi al tio oni petu prospekton en Esperanto de la sekvantaj korporacioj :

Verkehrsverein Schaan, *Schaan* (Liĥtenstejno).
Verkehrsverein *Triesenberg* (Liĥtenstejno).

# Pilorio

Ni ricevis cirkuler-leteron de nia ĉefdelegito nederlanda, kiun ni simple represas :

Je mia bedaŭro mi devas min turni al vi kun detaloj pri estinta Membro de UEA, kiu aplikas metodojn netolereblajn.

La 1 Februaro vizitis min iu S-ro P.D.C. Groen, laŭdire nuntempe loĝanta, AKKERSTRAAT 14, AMSTERDAM, kiu ne plu estas Membro de nia Asocio, sed pro la malfacilaj cirkonstancoj en kiu li troviĝis petis la helpon mian, kiun mi donis en la formo de : manĝoj, hotelo kaj rekomendo.

Mi tamen tuj petis informojn ĉe konataj Ges-anoj en Amsterdam kaj ricevis treege malbonajn informojn

Eĉ, ke oni avertis jam la policon en Amsterdam kaj ke la plej « bona hotelo por li estus la malliberejo ».

Estas pro tio, ke mi avertas la Delegitojn kun urĝa peto diskonigi tion por ke ne sekvu pliaj viktimoj.

Iu bonkora Samideanino en Amsterdam zorgis, ke S-ro Groen ricevis iom da mono, ke li ekhavis laboron kaj poste envenis tiom da malbonaj informoj, ke la entreprenanto ne kuraĝis akcepti lin.

En Wormerveer, Zaandam, Alkmaar, Texel kaj mi aŭdis ankaŭ en Apeldoorn, Almelo kaj kelkaj aliaj lokoj li aplikas la samajn metodojn.

Ĉar la S-ro nomas konatajn personojn en la Esp. movado kaj uzas la jarlibron de UEA por trovi novajn viktimojn, mi kredas, ke estas necese averti ĉiujn Ges-anojn por ne doni al S-ro P.D.C. Groen, Akkerstraat 14, Amsterdam kion ajn aŭ kian ajn helpon.

Estas necese, ke la daŭra almozpetado de tiel nomataj vojaĝantaj « Gesamideanoj » finiĝu ! !

Jakob Telling, Ĉefdelegito de U.E.A.

El letero de la Teritoria Sekretario Finnlanda ni ekstraktas :

En la pasinta somero vizitadis min S-ro Petereit, laŭ mia scio germano. Li asertis, ke li estas svisa civitano. Loĝis ĉe mia konatulo esperantista S-ro Selinheimo. Manĝis ĉe li kaj ne pagis malgraŭ la konsento sia. Finfine ŝtelis la pasporton kaj palton de S-ro Selinheimo, monon el la monujo de S-ino S. ktp. kaj forkuris. Veturis poste al Vaasa en Finnlando kaj ŝtelis en la vagonaro, estis poste en malliberejo pro la ŝtelo lastecitita. Asertis ke li estas bona konatulo al la direktoro de UEA, Hans Jakob. Se li estas ankoraŭ en la membraro de UEA, bonvolu lin noti sur la liston de friponoj kaj eksigi.

Alia al la sama kategorio apartenanta S-ro John Lepp. Li loĝis ĉ. 2 semajnojn ĉe mi. Prezentis sin kiel filo de itala verkisto Marinetti, uzis nomon « D-ro Flamo », D-ro Flamorri ktp. Estis en Svedujo en malliberejo pro uzo de falsa nomo, forpelita el Svedujo. Alvenis al Finnlando kaj komencis la samajn artifikaĵojn kaj ankaŭ min oni kondukis al la ŝtata detektivo por esti pridemandata. Oni forpelis lin el Finnlando al Estonio kaj tie li estis tuj en la haveno malliberigata pro siaj antaŭaj krimoj en Estonio. Ankaŭ li asertis ke li estadis membro de UEA.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino Teodora Oreŝkova, la edzino de l'unua esperantisto bulgara, Georgi Oreŝkov, en Burgas (I.H.K. sen dato.)

Sinjoro Julia, Céret, Pyrénées-Orientales, Francujo, 7 Februaro 1934. Sinjoro Julia sciis helpi aktive por la propagando de Esperanto, en la Céret'a regiono, sian edzinon, S-inon Julia, nian sindoneman delegiton de UEA en Céret.

Kelkaj membroj de nia Federacio estis delegitaj por ĉeesti la enterigiron.

Sinjorino Miriam Reeve en Brighton-Hove. Je 5a Majo 1934, 91 jaraĝa. Pioniro de Esperanto en Brajtono kaj Hove. Fervora laboranto por la afero dum longaj jaroj. Ŝi ofte helpis F-inon Lawrence en la oficejo de W. T. Stead, kaj dum la milito laboris en la B.E.A. oficejo.

*Sinceran kunsenton !*

**Tiu ĉi numero entenas prospekton pri la 2a eldono de PLENA VORTARO DE ESPERANTO, eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda ,67 avenue Gambetta, Paris 20. Ni krome komunikas, ke pro diversaj kaŭzoj la apero estas plue prokrastita; la libro estas preta ne antaŭ la 10-a de julio.**

# La XXVI-a en Stockholm -- vokas vin !

## La aliĝnombro daŭre kreskas. Ne hezitu !



Princo CARL.




**La honora komitato de la XXVI-a** baldaŭ estos preta. Princo Carl konsentis esti la unua nomo de la listo. Inter la komitatanoj estas ankaŭ Dro Selma Lagerlöf kaj multaj aliaj svedaj eminentuloj.

**La Interkonatiĝa Vespero** okazos en la plej luksa kaj komforta restoracio de Stockholm, Granda Hotelo. Por solenigi la vesperon LKK pretigis festan bonven-vespermanĝon antaŭ la agrabla babilado kaj dancado. Por agrabligi kaj hejmecigi la vesperon parto de la servistaro nun lernas Esperanton. LKK ankaŭ preparas mallongan amuzan kanto-programon por tiu ĉi vespero. Tri famaj kantistoj prezentos esperantigitajn gajajn kantojn de la svedaj poetoj Mikael Bellmann kaj Gunnar Wennerberg (« Gluntarna »).

La vespero certe estos plej sukcesa komenco de la kongresa festa semajno.

**La teatra vespero** estos vere internacia, vere enhavoriĉa kaj alloga. Svedaj profesiaj geaktoroj ludos teatraĵon de *Aug. Strindberg*. La nomo de la komedio estas « Ludi per fajro ». La fama reĝisoro Sandro Malmkvist garantias, ke la prezentado estos vere altnivela.

Ĉar tiu komedio estos sufiĉe mallonga, LKK kontraktis kun profesiaj Esperanto-geaktoroj en Brno en Ĉeĥoslovakio, ke ili la saman vesperon ludos bonhumoran ĉeĥan teatraĵon.

LKK planis tiel kaj esperas per la nomitaj aranĝoj kontentigi eĉ la plej grandajn postulojn.

**Stockholm sin ornamas** por dece akcepti la kongreson ! Por la honoro de la kongresanoj la urbestraro de Stockholm intencas per flagoj esperantaj kaj naciaj ornami la placojn antaŭ la centra stacidomo, parlamentejo kaj koncerta domo.

Vere festa vidaĵo estos la kongresurbo je via alveno ! Venu !

**Svenska Missionsförbundet** (Sveda Misia Asocio) interkonsente kun LKK aranĝos vendrede 10.8. apartan kuneston en Emanuelskyrkan (Preĝejo Emmanuel), al kiu ĉiu estas bonvena. Okazos kantado de ĥoro, muziko kaj parolado. Krom tio senpaga temanĝo.

**Ĉu vi ne** jam aliĝis ? Tiam tuj sendu vian aliĝilon plus 25 sved. kr. al

*Universala Kongreso de Esperanto* Fredsgatan 4, Stockholm.

---

**La antaŭkongreso en Malmö.** Kongresanoj, kiuj emas viziti la antaŭkongreson, petu aliĝilon kaj informojn pri prezoj de loĝo kaj manĝo. Aldonu respondkuponon. Adresu nur : Esperantokongreso 1934, Malmö (Svedlando).

---

**Kongresanoj,** kiuj survoje al Stockholm veturos tra Göteborg estas petataj kontaktiĝi kun S-ro E. Ekström, Vegagatan 10, Göteborg. Per antaŭkongresaj aranĝoj la lokaj esperantistoj preparas sin por inda akcepto de la fremdaj samideanoj. Interesemuloj ricevos pliajn informojn perpoŝte.

*Oficiala invito:* Sveda Trafika Asocio kune kun Sveda Esperanto-Federacio.

*Adreso de LKK:* Fredsgatan 4, Stockholm.

*Poŝta ĉekkonto:* N-ro 50443 Stockholm.

*Bankkontoj:* Svenska Handelsbanken Stockholm 16 ; Sundsvalls Enskilda Bank, Fredsgatan 4 Stockholm.

*Kotizo:* Ordinara kotizo estas 25.— sved. kronoj.

---

Dum Julio-Aŭgusto venu por kelkaj tagoj aŭ semajnoj al Internacia Libertempejo en Lazne Belohrad, Ĉeĥoslovakio. Petu prospekton de la Esperantista Klubo en Lazne Belohrad.

La trian fojon invitas la esperantistoj en tiu ĉi ĉeĥoslovaka banloko, samideanojn el la tuta mondo por veni kaj pasigi kelkan tempon ripozante en vere internacia societo sen iu ajn laborkunsido. Irante al Stockholm, aŭ revenante profitu la okazon kaj haltu por kelkaj tagoj en tiu vere esperantista ripozejo.



ESPERANTISTA

Julio 1934 Aŭgusto

LIBERTEMPEJO



